XXIII^a jaro. N° 320 (4) ☆ Monata ☆ Aprilo 1927

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

FONDINTO: HECTOR HODLER GVIDANTO: D-ro EDMOND PRIVAT
ADRESO DE LA REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO: 12, BOULEVARD DU THÉÂTRE, GENÈVE
*La Redaktejo ne povas resendi manuskriptojn. Lasta dato por ricevo: la 15a de ĉiu monato. Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion.*

JARA ABONO

| | |
|---|---|
| **Simpla abono** . . . . . . . . . . . . . | 10.— Fr. Sv. |
| **Kun la membreco de UEA** . . . . . . . . | 12.50 Fr. Sv. |
| **Unu numero** . . . . . . . . . . . . . | 1.— Fr. Sv. |

*Svisa poŝtĉeko I. 2310. — La abonoj komenciĝas en Januaro*

☆

REKLAMO

| | |
|---|---|
| **Anonco** (unu centimetra kolonero) . . . . | 2.50 Fr. Sv. |
| **Anonceto** (1 linio: 10 vortoj) . . . . . . | 0.75 Fr. Sv. |
| **Korespondado** (1 enskribo) . . . . . . . | 1.— Fr. Sv. |

ENHAVO



## Al nia Jubilea Kongreso

Esperantismo festos sian 40-jaran jubileon la lastan tagon de Julio en Danzig dum nia XIX-a Kongreso. El ĉiuj landoj de la mondo niaj esperantistaj grupoj helpu almenaŭ po unu delegito vojaĝi tien. La tuta esperantistaro devas esti reprezentata je tiu granda solenaĵo. Ĝi estu memorinda pilgrimado al tiu parto de Eŭropo en kiu naskiĝis nia Majstro kaj nia movado. Komunaj vizitoj al Varsovio kaj Bjalistok estos oportune aranĝataj.

Antaŭ dudek jaroj en Cambridge, ni festis la maturiĝon de nia lingvo. Ĝi estis ĵus komencinta sian publikan almiliton. Tiam D-ro Zamenhof klarigis al ni kiel li antaŭvidas la estontecon de niaj kongresoj: „Oni povas proponi al niaj kongresoj internaciajn sistemojn por la oportuneco kaj neŭtraleco de la rilatoj internaciaj, kiel ekzemple internacian monsistemon, horsistemon, kalendaron, ktp. Ĉiam pli kaj pli, komencante de aferoj bagatelaj kaj transirante al aferoj plej gravaj, komencante de aferoj pure materialaj kaj transirante al ĉiuj flankoj de la homa spirito kaj moralo, oni proponados al ni diversajn rimedojn, kiuj servas al la fratigado de la homoj kaj al la rompado de la muroj inter la gentoj . . .“

La Paska konferenco en Praha ekzamenos kelkajn rimedojn por rompi tiujn murojn jam ĉe la infanoj. Sed en Danzig oni provos realigi la deziron de D-ro Zamenhof per la Somera Universitato. Ĝia programo enhavos prelegojn pri gravaj nunaj klopodoj de scienco, juro kaj tekniko al unuecigo kaj normigo super landlimoj.

Internaciaj mezuroj, monsistemo, kalendaro, laborleĝaro, scienca terminaro, bibliografio, profilakta higieno, unuecigo en termagneta scienco ktp. estos pritraktataj de eminentaj fakuloj kiel ekzemple Prof. D-ro Schmidt, Prof. Bujwid aŭ D-ro Vogt. Tiamaniere la kongresanoj havos okazon lerni pri parencaj klopodadoj al homara organizo kaj sentos eĉ pli profunde la gravecon de sia mondlingva tasko en la komuna konstrua laboro de la scienca mondo.

Solenan kunsidon ni dediĉos al la historio de Esperantismo dum la pasintaj du generacioj.

Ni kore esperas, ke multaj el niaj legantoj faros la eblon kaj eĉ la neeblon por partopreni en Danzig. La nombro de hoteloj estas limigita tie, sed ĉiuj ricevos lokon se ili sufiĉe frue enskribiĝos. UEA denove aranĝos servon de kombinitaj biletoj por faciligi antaŭmendojn.

Kun aparta voko mi turnas min al niaj amikoj en norda Eŭropo. Same kiel en Balkano, la malgrandaj landoj ĉirkaŭ la balta maro sentas urĝe la bezonon je komuna helpa lingvo. Depost la kongreso en Helsingfors, ni ne vidis multajn skandinavojn, finnojn, estonojn, latvojn, litovojn. Ili venu en karavanoj al nia jubileo!

Nun la transsiberia vagonaro denove funkcias. Ok tagoj alkondukas en Eŭropon, Ĉinojn kaj Japanojn. El Ekstremoriento, el vasta Siberio, el Ruslando, el Pollando, naskejo de esperantismo, el ĉiuj landoj de la tuta mondo ni atendas vin, amikoj batalantaj por la granda Zamenhofa ideo. Ni volas premi viajn manojn.

*Edmond Privat*

## ORIENTO KAJ OKCIDENTO

# D-ro Inazo Nitobe
## nova honora membro de UEA

D-ro Inazo Nitobe, la konata japana scienculo ĵus revenis al Tokjo post sep jaroj da servado en Genève kiel vic-sekretario ĝenerala de la Ligo de Nacioj. Li multe interesiĝis pri la Esperanto-movado kaj verkis tre favoran raporton pri sia oficiala vizito al nia XIII-a Kongreso en Praha en 1921. Tie, ĉe la vesperinvito de UEA al ministro Beneŝ, li esprimis en ĉarmaj vortoj sian impreson pri Esperantismo (vidu poste).

Por esprimi al li la dankemon de la esperantistaro kaj konservi lian fidelan konsiladon, la komisiono de UEA decidis lin elekti kiel honoran membron de nia Asocio. Per tiu elekto ĝi samtempe deziris doni publikan kuraĝigon kaj simpatian gratulon al nia tuta movado en Japanujo, kie fidelaj samideanoj sindone laboras por ĝin progresigi en ĉiuj rondoj. Ni presigos en venonta numero la respondleteron de D-ro Nitobe.



D-ro *Inazo Nitobe*
Iama vic-ĝenerala sekretario de la Ligo de Nacioj

Jen kelkaj notoj pri lia vivo kaj kariero: Li naskiĝis en 1862 (1 Septembro) en Morioka, studis en Imperia Agrikultura Kolegio, poste en Imperia Universitato de Tokjo beletristikon kaj ekonomion. En 1887 li veturis Usonon, kie li studis historion kaj ekonomion dum tri jaroj. Saman tempon li uzis en germanaj universitatoj (Bonn, Berlin, Halle) por pliprofundiĝi en ekonomio kaj statistiko ĝis 1890. Estante 28-jara li fariĝis profesoro pri ekonomia historio kaj koloniado en la Imperia Universitato de Hokkaido. En 1900 li sidis inter la juĝantaro de la Pariza Ekspozicio. De 1901 al 1903 li gvidas la fakon pri industrio kaj agrikulturo en la administrado de la Formosa Insularo. Poste li instruadis en la Universitato de Kjoto kaj fine ricevis sian unuan profesoran katedron pri koloniado kaj ekonomia historio ĉe la Imperia Universitato en Tokjo en 1906 estante ankaŭ direktoro de la Unua Nacia Kolegio.

En 1920 li venis Ĝenevon kiel vic-sekretario ĝenerala de la Ligo por sep jaroj. En 1926 li estis elektita en la Imperian Japanan Akademion kaj en la Japanan Senaton kiel dumviva membro. Ĉiuj, kiuj renkontis lin ŝatis lian ĉarman ĝentilecon, bonkoran mildecon kaj modestecon. Ili admiris lian homan filozofion, ĉiam turnitan al komprenemo kaj simpatio por aliaj gentoj. Li aliĝis al la Societo de l' Amikoj (kvakeroj) kaj ofte esprimis sian ŝaton al ĉiuj homoj, kiuj esprimas internan fidon per bonaj agoj anstataŭ bonaj paroloj.

Ĉiuj internaciaj oficejoj sidantaj en Genève adiaŭis lin per komuna esprimo de bedaŭro kaj fidela amikeco. La Universitato Ĝeneva donis al li honoran doktorecon kaj UEA honoran membrecon.

## Pri „Esperantismo“

parolado de D-ro Nitobe ĉe UEA-vesperfesto en Praha 1921.

Sidante hieraŭ ĉe la Kongreso mi demandis min, kio ĝi estas, kio kune tenas tiom da miloj da homoj en tiu kora amikeco, kiu vidiĝis tra la paroladoj kaj okazaĵoj de la kunveno. Lao-Tse, unu el la plej profundaj pensuloj de la mondo, mi povas eĉ diri, la plej mistika filozofo ĉina, vivinta antaŭ dumil jaroj, diris en la komenco de la mallonga alparolo, kiun li postlasis al siaj sekvantoj, kelkajn vortojn malfacile tradukeblajn en alian lingvon, sed eble tradukeblajn en Esperanton. Mi komparis ĉirkaŭe sep anglajn tradukojn kaj neniu estas sama. En unu mi legas: „La vojo irebla ne estas la eterna vojo.“ Alia diras: „La Dio difinebla ne estas la vera Dio.“ Tria traduko uzis alian terminon kaj diris: „La povo mezurebla ne estas la eterna povo.“ Kaj jen ankoraŭ alia: „La vorto eldirebla ne estas la vera vorto.“ Nun, kiel mi diris al mi mem ĉe la kunveno hieraŭ, la Esperanto kiun oni povas paroli ne estas la vera Esperanto. Ekzistas io pli, eble tio, kion aludis D-ro Privat per la esprimo „interna ideo.“

Tiu spirita ideo, la interna ideo, jen kio instigas la Esperantistojn kuniĝi, laŭ la vortoj de mia plej amata heroo Abraham Lincoln *„Bonvolo al ĉiuj, kaj malbonintenco al neniu“*, por kunfratigi la diversajn rasojn kaj popolojn de la terglobo sen ia diferencigo pri koloro, pri nacieco aŭ historio. Ŝajnas al mi ke ĝuste tion ni volas fari . . .

L. M. S-ro Beneŝ aludis je la grandaj suferoj de Eŭropo dum la milito. En Azio ni ne suferis multe. Japanujo ja gajnis iom da mono. Sed spirite ni suferis kun vi. Morale ni staris ĉe la bordo de bankroto kun Eŭropo, ĉar nun, kiam Eŭropo suferas, Azio ne povas flankestari. La mondo estas tiel kunligita, ke tio, kion unu gajnas, la alia perdas. Ni estas ĉiuj kunligitaj per miloblaj ligiloj de interamikeco, de perdo kaj gajno, de sufero kaj doloro. Ni finfine fariĝis homoj anstataŭ esti nur naciuloj. Kvankam ni ne devas forgesi tion, kion ni ŝuldas al niaj nacioj, ni devas samtempe ĉiam rememori, ke ekzistas aferoj eĉ super ili. Mi ne estas Kosmopolitano, mi libere konfesas, mi estas naciano. Sed en la nuna tempo bona naciano devas esti internaciulo. La nomon Kosmopolitano mi ne ŝatas. *Afero*

povas esti kosmopolita, sed *homo* devas esti internaciano kun kiel eble plej nobla kompreno pri la homaro.

Mi sentas, ke ĝi estis por mi granda plezuro kaj granda instruo ĉeesti la kunsidojn ĉi tiujn tagojn kaj vidi ne nur la eksteran rimedon por kunligi naciojn, sed la spiriton instigantan, ĉar estas ja l' animo, kiu movas la korpon. Kiam l' animo estas for, kiu mano povus revivigi kadavron kaj redoni vivon al la mortinto? Tial, antaŭ ĉio, mi plej profunde ŝatas la spiriton, laŭ kiu la esperanta movado iras antaŭen.

## Pri Japanoj kaj lingva studo

el „Uzo kaj studo de fremdaj lingvoj en Japanujo", ĉapitro XIV

Dolore konsciaj pri sia lingva malkapableco kaj pri la malfacilaĵo, kiu premas ilin en internaciaj rilatoj, la Japanoj turnas sin al Esperanto kun grandaj esperoj. La simpleco de ĝia gramatiko, la facileco de ĝia elparolo, la reguleco de ĝia ortografio allogas ilin tre forte. Kian ajn antaŭjuĝon aŭ malfavoron ĝi povas renkonti en Eŭropo, Esperanto trovis malfermitan pordon en Ekstrem-Oriento. Iuj kulpigis ĝin kiel transportilon de avangardaj opinioj; sed estas bone konate ke pli da propaganda literaturo pri „danĝeraj ideoj" ekzistas en aliaj lingvoj.

Oni ofte demandas: kial ne alpreni ian grandan nacian lingvon — kvankam pli malfacilan — kun historio kaj literaturo? Esperanto ne celas literaturan aŭ historian studadon. Ĝia ĉefa utileco kuŝas en la pli malsupra kaj pli vasta kampo de praktika vivo komerca, trafika kaj turisma. Por tiaj celoj neniu nacia lingvo dankus pro elekto. Supozu, ke franca kaj angla estus proponata kiel mondlingvo, ilia plej varma defedanto haltus en sia insisto se li nur aŭdus iam Piĝin English kiel parolatan en Ĉinujo aŭ Francan kiel uzatan en Kamboĝio aŭ Haitio. Tian kripligon Esperanto evitos pro sia simpleco. Krome, la jena psikologia vidpunkto ne estu neglektata: ke Orientano sentas sin malpli ĝenata kaj tial pli kuraĝa sur la neŭtrala fundamento de Esperanto ol sur la kampo de ia nacia lingvo. Li sentas sin pli libera kaj malpli timema pri eraroj, kiam ekzistas nur dek ses reguloj rompeblaj!

La steriotipita kontraŭdiro ke arta lingvo neniam povos anstataŭi naturan aŭ nacian lingvon estas entute maltrafa, ĉar nenia esperantisto proponas anstataŭi la unu per la alia. Ankaŭ oni tute ne povas riproĉi al Esperanto tiun artecon, se ĝi montriĝas praktika interkomunikilo, ne pli ol oni povas rifuzi aŭtomobilon ĉar ĝi ne estas ĉevalo. Plie ne forgesu ke al Orientano aspektas angla aŭ franca lingvo tiom nenatura kiel Esperanto aŭ Ido. Esperanto povas eĉ servi kiel interliga pasilo de orienta al okcidenta lingvo. Laŭ rimarkinda eksperimento farita en angla lernejo, infanoj lernintaj Esperanton dum unu jaro kaj poste francan aŭ germanan dujare preterrangis fine tiujn, kiuj dediĉis la tutan trijaron al unu el tiuj fremdaj lingvoj. Estas verŝajne, ke Esperanto pli kaj pli gajnos en la Oriento pro sia propra valoro kaj praktika utileco kaj ankaŭ pro la „interna ideo", kiun ĝi entenas.

D-ro *Inazo Nitobe*

## NOTOJ

**La gentoj en Ĉinio.** La aspiro de la ĉina popolo, reakiri plenan sendependecon altiras denove la atenton al tiu giganta lando, kie ja loĝas preskaŭ la kvarono de la homaro. Nemulte estas konata ke en tiu-ĉi vasta popolo ekzistas sufiĉaj diferencoj laŭ aspekto, karakterizaj ecoj kaj spirita asimilebleco. Ĉe juĝo pri ĉinaj okazintaĵoj tiuj diferencoj ne devus esti malatentataj.

La praloĝantoj de la nuna ĉina regno estis la indoaŭstraliaj triboj de la *Miauce, Lai, Lolo Ŝan kaj Paj,* kiuj suferis la unuan atakon de la enmigrintaj mongoloj dum la tria jarmilo antaŭ Kristo. La antikva loĝantaro forkuris parte en la nefacile alireblajn montarojn en la sudokcidento, kie etaj restoj konserviĝis en la trajtoj de la posteuloj. La pli granda parto de tiuj triboj malaperis inter la venkintaj mongoloj formintaj la novan genton „Penti" aŭ „Indiĝenoj". Jarcentoj poste venis novaj enmigrintoj ankaŭ mongoloj, sed tiu ĉi enmigro okazis laŭŝajne nur etnombre. Ili estis nomitaj „Haka" aŭ „enmigrintoj" kaj ne povis fariĝi danĝeraj al la indiĝenoj. Ili elkloĝis plejparte en la libera kamparo ĉefe en Norda kaj Meza Ĉinio, kie ili vivis kiel sendependaj kampkulturistoj aŭ kiel laboristoj ĉe la „Penti". El ili evoluiĝis la ĉina kampkulturista klaso, diligenta, sobra kaj ege ŝparema, samtempe iom suspektema kaj superstiĉa, fidele atentanta tradicion.

Dume tiuj enmigroj okazis el la nordo, venis de la sudo malajaj triboj. Ili ekokupis grandan parton de la nuna Sudĉinio en ĝi ĉefe la provincon Fukien kie nun okazas la civitana milito. Tiu malaja enmigrantaro miksiĝis baldaŭ kun la mongoloj kaj formis genton „Hoklo". Tiu ĉi gento havas pli malhelan koloron ol la nordĉinoj, sed ili ankaŭ diferenciĝas laŭ la okupado. Dume la mongolo estas fervora kampkulturisto, la hokloj preferas profesiojn de fiŝistoj, maristoj, boatistoj, ĝenerale vivon ligantan al la akvo. El la malaja devenlando ili ankaŭ kunportis la turbanon, kapkovraĵo ankoraŭ tre disvastigita en certaj regionoj de la Suda Ĉinio. Ili ankaŭ diferenciĝas laŭ la spiritaj kvalitoj de la nordĉinoj. La meza nordĉino estas pli malrapida en siaj decidoj; novaĵoj ankaŭ politikaj ne akceptiĝas facile ĉe li aŭ li indiferentas. Alie la sudĉino: li posedas ĝenerale pli rapidan komprenpovon kaj pli viglan temperamenton kio faciligas al li la akcepton de novaj ideoj kaj entuziasmiĝi je ili. Pro tio la Suda Ĉinio ĉiam estis la elirpunkto de ĉiuj politikaj movadoj. Kontraŭe la sudĉino havas la mankojn de la malaja pragentaro. Mankas al li persista forto kaj obstineco, kiu distingas la nordĉinon, kiu ankaŭ fizike superas la loĝanton de la sudo. La sudĉino estas ŝanceliĝema kaj dependas de ŝanĝantaj sentoj, nehaltigebla en la sukceso sed facile cedanta ĉe malsukceso. La nuna batalado certe estos decide influata de tiu el la batalantaj partioj, kiu sukcesas entuziasmigi la ĉinan kamparanon je pronacia penado.

*H. J.*

**Nova ekspedicio de Sven Hedin.** La nelacigebla esploristo de Centra Azio, Sven Hedin, entreprenas novan ekspedicion. Jam en Februaro ĝi ekkomencis de urbo Patouchen, situata ĉe la Flava Rivero, proksimume 575 km okcidenten de Pekino. De tie ĝi iros okcidenten tra la Suda Mongolio kaj la Gobidezerto ĝis Hami en Turkestano. De tie la vojaĝo iras ĝis la ĉefurbo Urumci en ĉina Turkestano. Estas uzataj kameloj por la transporto, ĉar Hedin opinias, ke la aŭtomobilo ne donas sufiĉan sekurecon en la dezerto. La daŭron de la ekspedicio oni kalkulas je du jaroj. Oni speciale sin okupos pri arkeologiaj kaj etnografiaj esploroj. Alia ekspedicio de sveda scienculo, profesoro Gunnar Andersson trovis materialon kiu lumigis tute forgesitan parton en la vivo de la antikva Ĉinio. Sekve oni esperas en fakaj rondoj, ke la esploroj de Sven Hedin havos ankaŭ sukcesojn en aliaj regionoj de tiu ĉi lando, speciale pri ĝis nun nekonita bronza kaj ŝtona epokoj. Sistemajn elfosadojn en tomboj, restadejoj nomadaj kaj ruinoj de kasteloj oni ĝis nun ne faris nek en Turkestano nek en la Mongolio. Sendube Hedin pliriĉigos la atendotajn sukcesojn per kartografiaj laboroj de regionoj nekonataj. Apartan lokon havos la geologiajn observadojn ĉe kiuj partoprenas du ĉinaj geologoj laŭ deziro de la ĉina registaro.

 EL NATURO KAJ SCIENCO 

# La Maja Aritmetiko*)

de *E. B. Renaud*, Denver, Col.

(En N-ro 302 de „Esperanto" aperis artikolo pri la Maja Civilizacio, verkita de S-ro A. S. Vinzent el S. Francisco. Tiu ĉi artikolo tradukita aperis en la franca revuo „La Revue des Museés et Collections archéologiques." Kunlaboranto de tiu revuo kompletigis la sciigojn pri la maja aritmetiko, kies tradukon ni prezentas.

La aserto ke la maja aritmetiko superas tiun de la romanoj estas prava je du vidpunktoj.

Unue, la roma sistemo estis bazita je la adicio kaj la respektiva pozicio de l' ciferoj. La Majoj kreis tion en pli simpla forma, aldonante la obligon. Tio permesis redukti la reprezentadon de l' nombroj kaj de l' datoj similigante ĝin al la moderna prezentado. Komparu la prezenton de la jaro 1926 laŭ la roma sistemo kun tiu de la maja: MIXCXXVI kaj $\dot{\equiv}$. La simpligo estus des pli grava ju pli la nombro estas granda.

La dua supereco de la maja sistemo estus klara se ni komparus la nombron de l' signoj uzataj de l' du popoloj por esprimi la nombron 1926. La Majoj diras samon per du signoj, dum la romanoj bezonas samcele kvin diversajn signojn. Plie, la Majoj uzis por ĉiuj nombroj du aŭ tri signojn, tio ne estis la fakto ĉe la romanoj.

Interesoplena estas la deveno de la maja aritmetiko. Ĝi, kiel la romana, estas „fingra", se oni povas tiele diri. La vertikalaj strekoj uzataj de l' romanoj esprimante la kvar unuajn ciferojn reprezentas la fingrojn, kiel oni scias. La litero V kiu valoras 5, reprezentas plenan manon: kvin unuoj. Por 10 ni havas X montrante la du manojn kruce metitajn. La lingvo de l' signoj estis poste skribata kaj gravurata per simpligitaj figuroj. La klarigo pri la majaj ciferoj estas ke la kvar unuaj ciferoj, konsistante el punktoj, estas prezento de la premsigno de l' fino de unu aŭ pluraj fingroj sur la sablo aŭ la polvo; tio, do, estas simila al la romaj strekoj. Por kvin, la Majoj uzis la linion, horizontalan en la „Codex", vertikalan aŭ horizontalan en la monumentoj. Estas la premsigno de l' frapo de l' mano, la fingroj streĉaj, flanke de la orelfingro. La dikeco de l' mano desegnas la linion. Tio estas ankoraŭ plena mano aŭ 5, kiel la V de la romanoj. Sed la indiĝenoj de Jukatano kaj de Gvatemalo estis sufiĉe lertaj por malkovri sistemon bezonante nur du signojn dume la romanoj neniam trafis tiun praktikan simplecon.

* * *

Unu fakto ne citita estas ke la Majoj konis la ciferon nulo. La matematikistoj bone scias la gravan rolon de la nulo en la nombrado kaj en la aritmetiko. Nemultaj estis la civilizacioj relative primitivaj kiuj havas la scion de l' nulo kaj de ĝia funkcio. Oni devas rimarkiĝi ke la signo de l' indiĝenoj por esprimi la nulon estis eble posta al la elpenso de la priskribita sistemo, ĉar ĝi estas sendependa kaj tute malsimila rilate al la formo. Plie ĝi varias ofte. En la Dresdena Codex oni trovas formojn, kiuj similas al okulo aŭ al grajno. La nulo estas skribita sur la monumentoj per malsimpla signo.

* * *

Oni klarigas bone la tri unuajn rangojn de unuoj, rangoj kiuj havas kiel obliga nombro 1, 20, 360 respektive. Sed tio ne estas ĉio. La Majoj havis du aliajn rangojn de unuoj superaj al tiuj ĉi kaj kies obliga nombro estas 7 200 por la unua kaj por la alia 144 000. Do ili havis sistemon permesante esprimi altajn nombrojn ĝis milionoj. Multaj popoloj, kies civilizacio oni laŭdas, neniam atingis tiun matematikan konon. Imagu la longecon kaj la malsimplecon de tiaj nombroj per la roma sistemo!

* * *

Oni eble miras ke tiel perfekta sistemo ne estas bazita je pura dudeka obligeco, ĉar la tria rango de unuoj estas trovebla obligante la duan per 18, dume ĉiujn aliajn oni trovas obligante la antaŭan per 20. La klarigo estas jena. La majaj pastroj estis astronomoj, ĉar ilia religia vivo estis bazita je malsimpla rito kies fundamento estas jara liturgia periodo. Luno-suna kalendaro donis al ili la datojn de la festoj kaj de la oferoj, ankaŭ la nombrada sistemo estis organizata tiucele. Tio klarigas la respektivan valoron de la unuaj rangoj. La unua rango havas kiel obliganto la ciferon 1, t. e. la tago aŭ Kin. La dua rango estas dudeka, t. e. la maja monato kiu konsistis el dudek tagoj, aŭ Uinal. La tria rango, Tun, konsistas el 18 foje 20 tagoj aŭ 360 tagoj, la maja jaro kiu estis proksimume la suna jaro, kiel 20 tagoj estas proksimume la luna monato. Anstataŭ nia jarcento, ni trovas du periodojn dudekajn. La Katun aŭ 20 jaroj, t. e. $360 \times 20 = 7\,200$ tagoj kaj la supera unuo kiu estas $7\,200 \times 20 = 144\,000$ tagoj, la plej granda maja periodo aŭ la Ciklo. Jen la deveno de la obligantvaloroj kaj iliaj astronomaj bazoj: tago, monato, jaro, ktp. La nombra sistemo estis ordigata por la kalendaro kaj servas la majan religion.

*) El „La Revue des Museés et Collections archeologiques" (N-ro 7).

Eĉ ni diras ke oni povas facile legi grandan nombron. Ekzemple: 1 805 587.

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| Ciklo | 12 × 144 000 | = 1 728 000 | | ══ . . |
| Katun | 10 × 7 200 | = 72 000 | | ══ |
| Tun | 15 × 360 | = 5 400 | | ═══ |
| Uinal | 9 × 20 | = 180 | | . . . . |
| Kin | 7 × 1 | = 7 | | . . |
| | | 1 805 587 | | |

Oni legas: dekdu cikloj, dek katunoj, dekkvin tunoj, naŭ Uinaloj, sep Kinoj.

* * *

La deĉifrado de la hieroglifaĵoj ne estas laboro de lingvisto, ĉar nenia skribaĵo estas skribita nek dulingve, nek en nenia alia konata lingvo. Estas afero de la arkeologo. Plie, tiuj, kiuj jam delonge studas tiun demandon asertas ke ili ĝis nun deĉifris certe nur malmulte da signoj: la signoj de l' tagoj, monatoj, ciferoj de 0 ĝis 19, la astronomiaj periodoj cititaj kiel nombradaj unurangoj, la simboloj de l' ĉefaj punktoj, la koloroj kunmetitaj, kelkaj dioj, astroj kaj la prezentado sufiĉe reala de simplaj objektoj. Estas ĉio! La teorio ĝenerale akceptita rilate al la ŝtonkolonetoj cititaj de S-ro Vinzent, estas ke ili estas historiaj monumentoj starigitaj je regulaj periodoj kaj klarigante detale la starigdaton aŭ la okazojn priskribitajn sed oni ne povas ankaŭ ilin traduki. Oni povas kompreni tion facile.

Trad. *R. J. Filliâtre*

# PILORIO

*Ni ricevis el Salamieh (Sirio) plendon kontraŭ du mondvojaĝantoj Nikolao Toth, agronoma inĝeniero el Budapest kaj Elia Markof, studento agronoma. Ambaŭ sin prezentis ĉe la Agrikultura Lernejo en Salamieh, varbis por Esperanto, enkasigis kotizojn kaj 130 frk. por lernolibroj arabaj. La Centra Oficejo de UEA avertas ke ambaŭ sinjoroj ne estis kaj ne estas anoj de UEA. Ni ne donis rajtigon pri enkasigo de kotizoj al tiuj du sinjoroj cetere nekonataj al ni.*

*Samideanoj! Atentu kaj fermu senhezite vian monujon. Utilajn informojn sendu al*

*Centra Oficejo de UEA.*

# En kelkaj linioj . . .

⁂ *Franca Universitata Federacio* entreprenis propagandon inter studentoj kaj profesoroj. Adreso: „F. E. U. F.", 20. rue François Garcin, Lyon.

⁂ *Le Courrier d'Ethiopie*, semajna abisena revuo en Addis-Abeba, enhavas artikolojn pri nia lingvo, menciante S-ron *K. Ludvik*, Del. de UEA, kiu disvastigas tie lernolibretojn kun propaganda celo.

⁂ Laŭ lasta Jarlibro de nia *Akademio* la Lingva Komitato konsistas el 127 membroj de 26 nacioj.

⁂ En *Belgio* aperis granda 400 paĝa lernolibro, laŭ nova samtempa metodo, de 8 lingvoj, inter kiuj Esperanto. Kosto 50 frankoj.

⁂ Anonima Societo „Holanda Esperanto-Oficejo" presigas nun novan originalan verkon de S-ro *Uitterdijk*: „Vojaĝoj kaj Aventuroj de Sinjoro Longkrurulo", humoraĵo kun 151 gravuraj bildoj.

⁂ Internacia Scienca Asocio nun ellaboras serion da *fakaj vortaroj:* Medicina (Briquet), Filozofia (S-ro Carnap), Botanika (S-ro Baart de la Faille), Fervoja (S-ro Rosher), Jura (S-ro Litauer), Geologia (S-ro Obruĉev), k. a. Interesatoj pri tio legu „Bultenon" de la Asocio. Adreso: S-ro Rollet de l'Isle, 35 rue Sommerard, Paris.

⁂ Oni atentigas nin ke en „La Duonmonata", jaro 1909, paĝo 70, troviĝas „Horoskopo de D-ro *Zamenhof*" originale verkita de S-ro Ernest Fiedler, kiu interalie antaŭdiris por jaro 1914 „naskiĝon de granda tutmonda entrepreno" (la milito!) kaj por jaro 1917 „malamikaĵoj" por nia Majstro (kiu forpasis en tiu sama jaro).

⁂ Internacia *Junulara Kongreso* estas organizata por 30. VII. — 7. VIII. 1927 en Freusburg-Sieg, meze de Germanio; pri tro sciigas esperantlingva flugfolio, eldonita de la gazeto „Esperantista Junularo".

⁂ *La Revue Spirite*, eldonata en Paris (fondita en 1853 de A. Kardec), enhavas regulan „Esperantan Parolejon" (Le Coin des Espérantistes).

⁂ Laŭ la raporto pri IKUE (katolika esperanta unuiĝo) la nombro de ĝiaj anoj en 1926 atingis 706, dum ĝi estis 557 en 1925.

⁂ *Nova Ekonomia Politiko* estas revueto dediĉita al propagando de doktrino de S. Gesell kaj el modernaj ekonomiaj problemoj. En redaktado partoprenas nia malnova zemuna samideano, S-ro Paŭlo Staniŝiĉ, aŭtoro de multaj verkoj kaj tradukoj en Esperanto.

⁂ Biblioteko ĉe la *Centra Oficejo de UEA* enhavas 5705 klasitajn librojn, broŝurojn, jarkolektojn, en kaj pri Esperanto, kaj ĝenerale pri la helplingvo.

⁂ La hungara ĵurnalo *Pesti Hirlap* en Budapest sciigas pri la intervjuo ĉe S-ro Lykke, norvega ĉefministro. La ministro interalie diris: „La realigo de la paneŭropa unio ne estas utopio, tiu ideo cetere ne estas nova. Fari internacia la nacian lingvon estus senutila penado . . . pro la lingva internacia bezono kreiĝis Esperanto".

⁂ Ni atentigas verkemulojn ke iliaj manuskriptoj estas atendataj ĉe Kataluna Federacio kiu ree organizas XIII-ajn *Florajn Ludojn* en Sóller, Junio 1927. Multaj mondotitaj premioj jam estas fonditaj.

## LITERATURO

# Aventuroj de D-ro Festus

de *R. Toepffer*, tradukita de *Edmond Privat.*

Rodolphe Toepffer, ĝeneva humora verkisto, filo de pentristo, publikigis inter 1825 kaj 1840 ĉarmajn novelojn, vojaĝrakontojn kaj albumojn de karikaturoj, tre ŝatataj de Goethe. La jena tradukita ĉapitro temas pri revema D-ro Festus rifuĝinta en kavan trunkon de kverko, kie li filozofas pri astronomio kaj ebla renkonto inter supozata kometo kaj la terglobo.

Dume, Andreo Luçon, frato de Georgo, lignosegisto, intencis labori laŭ sia metio por lia moŝto sinjoro Taillandier, kiu refarigis sian tegmenton kaj replankumis sian fojnejon. Li venis por vidi la fraton kaj lin algvidis al la drinkejo de l' tri filoj Aymon. Post drinkado, li parolis al li pri la kverkaj trunkoj ankoraŭ starantaj en lia arbaro. Plej bone li forvendu ilin, ĉar formikoj montriĝis venenaj tiun ĉi jaron kaj la almanako ja promesis malsekon. Poste li proponis ilin aĉeti mem. Li ja tute ne bezonis ilin, do nur por fari al li servon kaj eviti, ke ili putriĝu. Eĉ oni jam ofertis al li pli belajn kaj pli taŭgajn, sed pro kio do esti fratoj se ne por helpi unu l' alian?



Georgo, kiun vino malavarigis, ŝancelante stariĝis kaj premis lian manon; li bele paroladas, Andreo, li diris. Egale. Mi tamen forvendas la kverkojn al ci po ses guldenoj . . . Tiam ili mansignis interkonsenton, kune kraĉis teren kaj drinkis ĝis vespero.

Morgaŭan tagon, Andreo ellitiĝis jam frumatene, jungis siajn bestojn kaj alveturis arbaron kun siaj du lernistoj, ambaŭ lignosegistoj. Elektinte dikegan kverkon, ili segis ĝin de malsupre ĝis la reĝo de l' arbaroj malrapide ŝanceliĝis en aero kaj kliniĝis al tero. Simile nobla elefanto, kies subgenuojn tranĉis malbravaj ĉasistoj, falas sen plendo kaj rezignas batali por sia vivo. Tri mil birdetoj nestantaj en ĝia branĉaro pereis aŭ forflugis malproksimen de sia kara ovaro. Tiu paca loko, kiun la kverko protektis jam de tricent jaroj, nun aspektis mizere malplene.

Tian pripenson havis nek la segistoj, nek lia moŝto sinjoro Taillandier, kiu ĵus mezuris sian fojnejon ignorante birdonestojn. Ili tranĉis for la branĉetojn por fari brulaĵon. Ili ankaŭ tranĉis la branĉegojn por fari lignaĵon. Kiam la malfeliĉa kverko fine prezentis nur kriplan trunkon, ili vokis helpantojn, surŝarĝis veturilon kaj alkondukis ĝin je du paŝlongoj de l' vilaĝo antaŭ la domon de la sinjoro.

Tiamaniere D-ro Festus, en la kverko kaŝita, daŭrigis sian lernovojaĝon, en urbestra vesto, tirata per ok bovaj paroj el ŝvica raso. Depost kiam li rifuĝis en la kavon de l' arbo, la doktoro pasigis momentojn tre agrablajn kaj aliajn multe malpli. La kaŝejo estis profunda, sed bona, kaj la vido ĉarma. Tra la supra truo, riĉe kaj mole velurita per brila musko, li ja vidis la internon de l' branĉaro, la travideblan foliaron kaj funde la ĉielan bluon. Pepadis la birdoj sub tiu verdara tegmentaĵo, flugetante, ludante, kruciĝante ĉiudirekte irante ĉu reen al nesto, ĉu for al ĉirkaŭaj kampoj al serĉo je manĝetoj.

Tiam la doktoro, instigate per siaj regantaj impresoj komencis klasigi la arbon. Poste li klasigis la birdojn, fine dum la nokto la stelojn . . . La sola afero kiu malkvietigis liajn altajn pensojn estis la malordo en lia maldekstra poŝo, kie mortbatalo daŭradis. La kverko estis la loĝejo de ĉarma sciuro, ja

perdinta ĉiun elirvojon pro alveno de l' nova gasto. Post longa timsveno, la ĉarma besteto ekprovis barakti por elkuro, sed li nur atingis internon de l' doktora pantalono, traserĉante la teron kaj gratante la grundon kun granda malagrablo al la doktoro, kiu tuj ekpensis pri la fama giganto Titio, vive manĝita de vulturo.

La sciuro, ekkomprenante ke li strange eraris, transpasis de la pantalono al la vesta poŝo, jam okupita de muso. Tie furiozis interbatalo tiel terura kaj kruela, ke morgaŭe la doktoro retrovis nur la respektivajn vostojn de ambaŭ bestoj, manĝintaj unu la alian.



Tamen, kiam revenis trankvilo, la doktoro pense okupiĝis pri optika scienco, ĉar planedo Sirius refraktiĝis en la matena nebulo super lia kapo. Tie li troviĝis kiam la kverko, segate de la lignistoj, ekkliniĝis al tero. Tiam la tuta firmamento ŝajnis turniĝi en vasta ĉielarko kaj la polusa stelo supreniris al meridiano. Li ne plu dubis ke supozita kometo renkontis la terglobon kaj li eĉ sentis la frapon . . .

**Kun tiu ĉi numero**
**estas sendata gvidfolio de banloko**
**Cheltenham Spa.**

# La maro.

Enkonduko al „Garman & Worse", romano de
*Alexander L. Kielland*

Nenio estas tiel vasta kiel la maro, nenio tiel pacienca. Sur sia larĝa dorso ĝi portas, simile al bonanima elefanto, la malgrandajn hometojn, kiuj loĝas sur la tero; kaj en sia granda malvarmeta profundegaĵo ĝi havas spacon por la ĝemado de la tuta mondo. Estas ne vero, ke la maro estas perfida, ĉar ĝi neniam promesis ion: sen postuloj, sen devoj, libera, serena kaj nefalsita la granda koro batadas — la lasta sana en la malsana mondo.

Kaj dum la hometoj super ĝin eksterenrigardas, la maro kantas siajn malnovajn kantojn. Multaj ilin tute ne komprenas, sed neniam ilin komprenas du homoj sammaniere. Ĉar la maro havas apartan vorton por ĉiu unuopa homo, kiu sin metas vizaĝ' al vizaĝo kun ĝi.

Ĝi ridetas per brilaj, verdaj ondetoj al la nudpiedaj infanoj, kiuj kaptas krabojn; ĝi en bluaj ondmoviĝoj rompiĝas kontraŭ la ŝipo kaj sendas la freŝan, salecan ŝaŭmŝprucon longe super la ferdekon; pezaj, grizaj ondegoj moviĝadas al la marbordo, kaj dum la lacaj okuloj vidsekvas la longajn, blankegrizajn ondofrapadojn, la ŝaŭmstrioj en blankaj kurbiĝoj superlavas la glatan sablon. Kaj en la malakra sono, kiam la ondo lastafoje kunfalas, estas io el sekreta interkonsento, ĉiu pensas pri sia propra afero kaj kapklinas eksteren al la maro — kvazaŭ estus ĝi amiko, kiu scias la tuton kaj fidele ĝin kaŝas.

Sed kion la maro signifas por tiuj, kiuj loĝas laŭlonge de la marbordo, pri tio neniu ekscias, ĉar ili nenion diras. Ili vivas sian tutan vivon kun la vizaĝo turnita al la maro. Ĝi estas ilia kunulo, ilia konsilanto, ilia amiko kaj ilia malamiko, ilia metio kaj ilia tombejo. Tial la rilato estas sen multaj vortoj, kaj la rigardo, kiu fikse direktiĝas eksteren, ŝanĝiĝas la mieno, kiun la maro vidigas — jen intima, jen duone tima kaj obstina.

Sed prenu do unu el tiuj borduloj, transloku lin longe internen en la lando inter la montojn en la plej ĉarman valon, kiun vi povas trovi; donu al li la plej bonan manĝaĵon kaj la plej molajn litojn. Li ne volas tuŝi vian manĝaĵon, ne dormi en la litoj; sed ne ĉirkaŭrigardante, li volas grimpi de monto al monto, ĝis li longe — longe ekstere videtas ion bluan, kiun li konas. Tiam pli forte ekbatadas lia koro; li fikse rigardas al la blua strio, kiu trembrilas tie en la malproksimo, ĝis ĉio komencas brili; sed li nenion diras. —

El la norvega tradukis
*H. Fridén, Fredrikshald*

# LITERATURO

## Adaĝo.

*Emanuel Lešehrad*

Iaman mi vizitis kamaradon,
dum jaroj multaj lin ne renkontinte,
en malmoderna, subtegmenta ĉambro . . .
Ŝanĝita estis li, nerekonebla;
nur en okuloj liaj speguliĝis
animo klara — kiel akva resto
sur fundo de jam elĉerpita puto.

La subiranta sun' en sango dronis,
skarlate koloriĝis la tegoloj,
funebra lumo falis en la ejon . . .
Nun sidis li, profunde meditante,
kaj ĉirkaŭ li ŝvebetis ruĝa brilo:
li ŝajnis la junecon rememori,
herbejojn, kampojn, kie li vagadis,
konante nek malĝojon nek suferon . . .

Nin ambaŭ ligis sento reciproka,
ni rememoris . . . La krepusko kreskis;
mi manojn liajn vidis, la malgrasajn,
kaj peza penso premis mian koron.

Jen li ekstaris . . ., prenis violonon,
malnovan, ripozintan jam delonge,
kaj delikate tuŝis li la kordojn.
Malgaja ton' ekvibris tra l' krepusko,
dolora melodio ĝeme sonis,
kaj la juneco kun esperoj ĉiuj
la violonon igis treme plori . . .

Ho ve! Sekretaj idealoj miaj,
sopiroj pri la trompa bril' de steloj,
pri brakoj, kiuj mole min karesus,
pri homoj, kiujn amus mi sincere,
malnovaj en animo mia kantoj,
mortontaj por eterne sen plenum' . . .!

El ĉeĥa Miloŝ Lukáŝ

## TRA LA LIBRARO.

**Detala raporto pri iu publikaĵo okupus tro ampleksan lokon en nia gazeto. La eldonaĵoj estas bibliografie notataj en la rubriko „Novaj libroj". Sub titolo: „Tra la libraro" aperos ne plenaj sciencaj prilingvaj recenzoj, ĉar multaj aliaj gazetoj jam daŭre komisiis al lertaj kunlaborantoj tiun tre utilan laboron, sed pli simplaj ĝeneralaj impresoj de nura leganto, celanta informi aliajn legantojn pri la enhavo de la plej rimarkindaj novaperintaj verkoj.**

Ankaŭ por Germanoj la malkara *Esperanto, enkonduko en la Esperantan Konversacion* de D-ro Pfeffer, kun sur du kolonoj dialogoj pri temoj de l' praktika vivo en germana kaj internacia lingvoj.

Por Francoj, Centra Librejo reeldonas la malnovan *Esperanto en dix leçons,* de Cart kaj Pagnier. 13-a eldono, centmila ekzemplero; ĉu tiu fakto ne pruvas taŭgecon? Oni prave informas, ke la unuan eldonon atente tralegis kaj eĉ korektis Zamenhof mem: plia valora rekomendo.

Pro manko de loko kaj de necesaj lingvokonoj, mi ne juĝas pri *Eszperantó Nyelvtan,* plena lernilo por Hungaroj, tria eldono; pri *Esperanto* de D-ro Duŝan Maruzzi, ankaŭ tria eldono kun ŝlosilo por Sudslavoj; pri la nova *Esperanto* de M. Beraru, por Rumanoj. Fine por la lastjare anoncita *Esperanto-Leerboek* por Nederlandanoj, la aŭtoro, A. van Bussum, eldonis *Sleutel* (ŝlosilon) kun tradukoj de tekstaj ekzercoj.

*

Propagandiloj diversspecaj svarmas sed estos, ĉu mallonge, ĉu tute ne ĉi tie cititaj. Nederlandanoj povas uzi *Waaron Esperanto Inderwijs op de Lagere School* kaj *Wat is Esperanto;* en flandra lingvo, Jan Tieri verkis strangan sociologian traktaĵon internacieceman. Kiel aparta numero de Orienta Revuo aperis ampleksa sed por ni rebusa *Jarlibro de Japana Esperanto-Instituto* kun multaj informoj kaj longa adresaro.

## Novaj libroj.

**Pilgrimo.** Poemaro. *Julio Baghi.* Eldono de la aŭtoro. 1926. Vendata ĉe Hungara Esperantista Societo Laborista, Budapest VIII, József-körut 9. 128 paĝoj, 12×16 cm. Prezo br.: 1,60 pengo (pli luksaj eldonoj; 2,20 kaj 3,30).

**Novaj Amaj Poemoj.** *Jaume Grau Casas,* L. K. Barcelona, 1927. Aĉetebla ĉe la aŭtoro: Claris 72, Barcelona. 32 paĝoj, 14½×21½ cm. Prezo br.: 1 peseto (kun afr.)

**El Moderna Hispana Parnaso.** Tradukita *Julio Mangada Rosenörn.* Hispana Esperanto-Biblioteko. Adreso: Glorieta de Bilbao 5, Madrid. 32 paĝoj, 13½×19½ cm. Prezo br.: 1,15 sv. fr. (3 respondkuponoj).

**L. E. A. Kantaro.** Kolekto da originalaĵoj kaj tradukoj de batalaj kaj popolaj kantoj. Eld. Laborista Esperanto-Asocio, Leipzig, Wasastrasse 16. 62 paĝoj, 10×15 cm. Prezo ne notita.

**Norda Vento.** Novelkolekto. *Frederiko Karinthy.* El la Hungara tradukis *Karlo Bodo.* 1926. Biblioteko Tutmonda N-roj 7—8. 96 paĝoj, 10½×17 cm.

**La Songô de Makaro.** Kristnaska rakonto. *V. Korolenko.* El la Rusa tradukis *M. Ŝidlovskaja.* Biblioteko Tutmonda N-ro 9. 1927. 48 paĝoj, 10½×17 cm. Eld. Rudolf Mosse, Berlin, Esperanto-Fako. Prezo po 1 serio (10 numeroj): 4 germ. mk.

**Servokapabla! Marcus Tybout.** *Georges Eekhoud.* El la flandra (franclingva) originalo tradukis kun permeso de la aŭtoro *Léon Bergiers.* Internacia Mondliteraturo, vol. 20. Ferdinand Hirt & Sohn, Leipzig. 72 paĝoj, 13×19 cm. Prezo br.: 1,60 germ. mk.

**Krimo de Fau** kaj Morto de Paguro. *Naoja Ŝiga.* El la japana tradukis *S-ino Haĉiko Kaji.* Tokio, Esperanto-Kenkju-Ŝa. 32 paĝoj, 12×16 cm. Prezo br. afr.: 0,35 jen.

**La Evangelio laŭ Sankta Johano.** Tradukita el la originala Greka teksto de *Prof Gristead, D-ro Lowell* kaj *Pastro Anderson.* Havebla ĉe Esperanto Kolportista-Asocio, 64, St. Thomas Road, London 4. 65 paĝoj, 7½×11½ cm. Prezo ne notita.

**Nova Afriko** de *Th. Monnens,* S. J. Esperantigis *Floriano.* Eld. Espero Katolika, 55 Rue de Vangirard, Paris, VI-e. 24 paĝoj, 9½×15½ cm. Prezo br.: 1,50 fr. fr.

**La saĝa ario.** Parabolo pri la naskiĝo de Esperanto. (En Esperanto, Angla, Franca, Germana kaj Nederlanda lingvoj.) *F-ino C. Offerhaus,* Hago. 12 paĝoj, 16×24½ cm. Prezo ne notita.

# LINGVAJ STUDOJ

## Mortpezo kaj efikeco.

La fama socia esploristo, Guillaume De Greef, difinas progreson kiel „malpliigo de la mortpezo kompare kun la efiko". Jen kelkaj ekzemploj por klarigi tiun difinon.

En la transporto, antikvaj portistoj portadis komercaĵojn, kies pezo egalis tiun de ilia korpo, po ĉirkaŭ 25 kilometroj tage. Kun niaj nuntempaj fervojoj, vagonaro, pezanta 100 tunojn kaj zorgata de tri homoj, kapablas transporti 200 tunojn da komercaĵoj po 55 km hore. Tiel la vagonaro, proporcie al sia propra pezo, transportas la duoblon, kaj kvardekoble pli rapide. Kaj se ni komparas la homan forton en ambaŭ kazoj, ni trovos eĉ pli grandan diferencon, kalkulante ankaŭ la fortojn eluzitajn por havigi la karbon, rebonigi la uzitan materialon ktp.

Ju pli belartoj evoluas, des pli ili forlasas luksaĵojn: oron, gemojn, pacienclaboraĵojn (mortpezon), kaj simpliĝas linie kaj kolore. Samtempe ili plidiversiĝas, kaj iĝas ĝueblaj por pli multaj homoj (efiko).

Progreso en la leĝaro signifas: malpliigo de la puna kruel-eco (mortpezo), pliigo de la socia sendanĝereco (efiko).

En la scienco, ni pensu pri la arego da dogmoj, da sanktaj tekstoj, kiuj devis esti encerbigitaj de la instruituloj ĉe la fruaj civilizitaj popoloj (mortpezo). Aliflanke, ni konsideru la malgrandan kvanton da akirita vera konaĵo, kiu estis, plue, propraĵo de tre malgranda parto de la komunumo (efiko).

Tiu trajto estas speciale videbla en la evoluado de la skribarto. La antikvaj egiptoj, babilonanoj, ĥetidoj, ĉinoj, devis lerni kelkajn milojn da malsamaj signoj por skribi, kaj iliaj skribaĵoj estis legeblaj nur de eta nombro da lertuloj. Hodiaŭ, per tri aŭ kvardek signoj, ni povas sendi komunikaĵojn pli precizajn al multe pli granda nombro da legantoj.

Ĉu ni ankoraŭ komparu, de mortpeza kaj efika vidpunkto, la malnovajn, longtempe honoritajn sistemojn de mezuriloj, malbone kunordigitaj, kaj diversantaj laŭ la malsamaj foirejoj, — ja eĉ laŭ malsamaj vendaĵoj, — kun la bone elpensita nuna metra sistemo? Tiu mirinda akiraĵo de idealisma kaj entuziasma epoko (la granda franca revolucio) ĉiam ekzistos kiel monumento de la konscia homa penado. Estas interese rimarki ĉi tie, ke ĝia valoro kuŝas en ĝia „artefariteco": ĝi estis konscie elpensita laŭ logiko, tiel ke ĝi enhavu la plej malgrandan mortpezon kun la plej granda efiko.

En lingvo la efikeco konsistas en la grado de precizeco, kun kiu ideoj estas transigeblaj; la mortpezo konsistas en la nombro de radikoj aŭ de vortoj, de reguloj kaj de esceptoj, kiujn oni devas encerbigi. En la miloj da „naturaj" lingvoj hodiaŭe parolataj sur nia planedo, la mortpezo estas ega, ĉar ĉiu el ili estas kunmetaĵo de malsimilaj eroj, kiuj estis neniam tute digestitaj. El tio rezultas, ke junuloj en ĉiu lando devas perdi multajn valoregajn jarojn por ellerni la sensencajn malfacilaĵojn kaj grandegan vortaron de nuntempaj lingvoj, kaj restas al ili malmulte da tempo por studi la temojn, kiuj konatigas la mondon, en kiu ili vivas, kaj kiuj plene disvolvigus iliajn plej altvalorajn kapablojn. Kaj interŝanĝe por tiu laborego, ili havigas al si esprimilon, kies precizeco malsuperas tiun de artefarita, logika lingvo kiel Esperanto, kun tiom malgranda mortpezo.

Tiu fakto fariĝis unuafoje klara al mi post vigla diskutado kun samlandano (belgo) pri la termino *groupe* aŭ *groupement*, kiun ni deziris doni al ĵus ekestanta organizaĵo. La longa cerbumado nur evidentigis, ke tiu du vortoj ne alvokis en ni la samajn nuancojn. Ni alkuris Esperanton por helpo; nun, anstataŭ la du neprecizaj terminoj, ni havis je nia dispono nombron da tute precizaj vortoj: *grupo, grupado, grupigo, grupiĝo* k. a., ni tuj konsentis pri la vorto *grupiĝo*, kiu esprimas la spontecon de la organizaĵo, kiun ni ambaŭ volis substreki (diference de la vorto *grupigo)*.

Jen kelkaj ekzemploj, kiuj montras la etan mortpezon kaj la grandan efikecon de Esperanto, kompare kun natura lingvo, kiel la angla. Kiam la lernanto de Esperanto povas facile konstrui nombron da vortoj tuje kompreneblaj, de la radiko *bov-: bovo, bovviro, bovino, bovido, bovidviro, bovidino, bovaro, bovejo, bovisto, bovaĵo, bovidaĵo, bova* k. a., la studanto de angla lingvo devas encerbigi la diversajn vortojn: *ox, bull, cow, calf, steer, heifer, herd* (of cattle), *byre, herdsman, beef, veal, bovine* k. a. Similan liston li devas lerni rilate al la ŝafoj, la ĉevaloj, kaj aliaj bestoj. Sed tio ne estas la nura malfacilaĵo, ĉar ekzistas aliaj kazoj. Ni direktu nian atenton ekzemple al la kamelo. Somala amiko diras al mi, ke en lia lingvo ekzistas nomaro simila je la ĉi supra, rilate al tiu besto: kaj mi devas konfesi, ke mi ne trovas pli ol du aŭ tri korespondajn vortojn en la „riĉaj" angla aŭ franca lingvoj. En Esperanto, tamen, ekzistas nenia malfacilaĵo. Jen la listo: *´geel* (kamelo), *ra´ti* (kamelviro), *`hal* (kamelino), *´Gaalin* (kamelidviro), *`Gaalin* (kamelidino), *´nirig* (kamelidvireto), *`nirig* (kamelidineto), *`baarGab* (fruktigokamelo), *´koron* (ŝarĝokamelo), *´Gaarkulu´faan* (buĉokamelviro), *`gool* (buĉokamelino), *`illin* (kamelaro), *wa`daal* (kamelareto), *hör´wejn* (kamelarego), *´geelĝir* (kamelisto), *Hera´gaal* (kamelejo).*) Pluaj ekzemploj tedus, la ĉi supraj sufiĉas por montri, ke Esperanto konformas kun la aspekto de progreso ĉi tie priparolata: ĝi montras ne nur komparan, sed ankaŭ absolutan malpliigon de mortpezo, kiun oni devas enmemorigi, kaj, samtempe, pliigon de riĉeco kaj precizeco.

Nune estas certa la venko de Esperanto en iu ajn formo, kaŭze la unuiĝo de la homaro, ne nur ekonomia, sed ankaŭ mensa. Ne estas dube, ke la estontaj generacioj ŝuldos grandan dankon al la ega idealisto Zamenhof, pro tio, ke li liberigis ilin de multjara servuto, kiu atendus ilin, se iu el la pezaj naciaj lingvoj estus iĝinta la helpa komunikilo inter la popoloj.

Se estas al mi permesate aldoni kelkajn praktikajn sugestojn, mi dezirus proponi, ke ni ĉiam rememoru la progresdifinon de De Greef, kiam ajn ni estas logataj enkonduki en nian Esperanton iun tielnomatan „internacian" radikon, — sed, vere, nur „eŭropan". Tio savos nin de la abismo, en kiun falis Ido. Neniu devus kontraŭstari enkondukon de nova radiko aŭ eĉ afikso,**) kiu vere eldonas ion al la efikeco de la lingvo. Tio jam okazis kelkfoje kun granda profito. Bigota kontraŭstaro kontraŭ pluaj tiaj pliriĉigoj, kaŭze, ke ilin eble unue proponis idistoj, estus, miaopinie, signo de malforto, tute ne inda por pioniroj de nobla ideo. Sed, aliflanke, kian rajton ni havas trudi al azianoj, afrikanoj k. a. la nenecesan laboron lerni tiajn vortojn, kiaj: *arhipelago* anstataŭ *insularo, iĥtiologio* anstataŭ *fiŝoscienco, deklaracio* anstataŭ *deklaro*, kiuj estas tute parazitaj, pligrandigante la mortpezon de la lingvo, sen iu aldono al la efiko? Ĉu ne estas egoismo, kiam ni, eŭropanoj, deziras fari tion nur tial, ke ni malfeliĉe devis ŝarĝi nian propran memoron per tiaj vortoj? Ni memoru, ke la Lingva Komitato nur enlistigas novajn radikojn, afiksojn ktp., kiuj disvastiĝas en la uzado. Tio signifas, ke ĉiu el ni, kiu uzas la lingvon, estas, en ia mezuro, fidato, kiu havas la devon zorgi, ke tiel mirinda laboraĵo kiel Esperanto, ne estu ŝarĝata per neutila balasto. Esperanto, la mondlingvo de morgaŭ, estos ĝuste tia, kia faros ĝin nia pli aŭ malpli logika pripensado, nia egoismo aŭ justeco.

*S. Marin*

*) ´ = supra tono, ` = premata tono (la akcentsigno antaŭstaras la akcentatan silabon); *ö* kiel en germana lingvo; *w* kiel en angla lingvo; *G* = voĉa uvula plozato; *H* = senvoĉa faringa frikato; la aliaj literoj havas la esperantan elparoladon.

**) Ekzemple D-ro A. Stamatiadis en sia vortaro esperanta-greka, 1914, per la sufikso „*iz*" (kun preskaŭ la signifo de *havig-*) atingas pli logikan vortkonstruadon en multaj okazoj ol per *ad* aŭ alia sufikso: *kalkizo* de muro anstataŭ *kalkado, kalkigo* aŭ *kalkumo*. Tion ne kontraŭas ankaŭ la Majstro, laŭ kiu ekzistas nenia diferenco inter afikso kaj radiko (vidu Fundamentan Krestomation, paĝo 249).



# TRA LA MONDO ESPERANTISTA



## Ĉina Zamenhofa Tago

◆

*En antaŭa jaro ni publikigis detalan raporton pri impresa ceremonio en Pekinga Universitato je la honoro de D-ro Zamenhof. Hodiaŭ ni ricevas el la suda ĉefurbo Kanton vivoplenan priskribon pri la 15 Decembra festo tie:*

La festo por memorigi nian Majstron je la 15-a de Decembro estis grandioza en Kanton. Granda procesio, kun tridek aŭtomobiloj kunligitaj unu post la alia per verdaj rubandoj, trakuris la tutan urbon. La veturado estas atentinda. Oni vidis la flirtadon de verdaj standardoj, verdaj rubandoj, la disdonadon de propagandiloj, flugfolioj, la fajradon de krakfajraĵoj kaj la disĵetadon de grandega kvanto da verdaj paperetoj, kiuj flugante kaj disfalante sur la stratoj, verdigis la tutan urbon sub la eho de fajrkrakado.

Je la sesa vespere granda kunveno okazis en la akceptejo de Provinca Edukista Asocio. Bambuoj, floroj, branĉoj, folioj, paperaĵoj, elektra lumo, ĉio en verda koloro ornamis la kunvenejon. Efektive ĉiuj, kiuj ĉeestis la kunvenon, sin trovis envolvitaj en verda lumo, en la granda espero de l' homaro. Prezidanto S-ro Wu Ta kwong, parolantoj S-roj Kenn, Sinpak, Hsu kaj aliaj. La parolado temis diverse, jen pri la historio de nia Majstro, jen pri la interna ideo de nia lingvo, jen pri ĝia uzado rilate al la tutmonda movado socia, ŝtata, scienca kaj edukista. Sekvis muziko, dancado, kiuj kune kun la paroladoj dronis la 1500 ĉeestantojn en longan, entuziasman aplaŭdon.

Estis nun vespere je la oka. La ĉeestantoj eliris. Sed la programo ankoraŭ ne estis finita. Kun granda entuziasmo kaj fervora inklino al la ideo de nia lingvo ili komencis la duan procesion, la procesion de verdaj lanternoj. Kvincent samideanoj, el kiuj profesoroj, edukistoj, generalo, juĝistoj, studentoj, laboristoj, junuloj, maljunuloj, sinjorinoj, fraŭlinoj, sin metis en ĝoja marŝado tra la urbo. Ĉiuj portis en siaj manoj verdajn lanternojn. Dum la marŝado muzikon, kantadon, fajrkrakadon, presaĵdisdonadon.



Karikatura bildo de D-ro Won Kenn, laŭ originalo de karikaturisto Petroviĉ dum la XVII-a Kongreso en Genève (Prelego pri Konfucio).

La sceno estis vere vivanta. Lanternoj post lanternoj, unuj post la aliaj, etendiĝis kaj moviĝis laŭlonge de la stratoj. Rigardante trans la rivero de la alia parto de la urbo, oni kvazaŭ vidis la rampadon de fajrodrako disĵetanta verdan lumon. Sed kiam oni atente aŭskultis, ĝia siblego surpriziĝis per la himno kantanta la novan senton. La procesio daŭris ĝis la deka kaj duona, kiam la kavaliroj de la verdaj lanternoj ĝoje disiĝis kaj interadiaŭis per longa kriado de „Vivu Zamenhof!", „Vivu Esperanto!".

La sekvantan tagon ĉiuj gazetoj raportis pri Kantono „verdumita".

* * *

*Nia konata amiko D-ro Won Kenn daŭrigas en Suda Ĉinujo sian energian propagandon por Esperanto kun la helpo de S-roj Sinpak kaj Hsu. En Kanton li fondis universitatan grupon, UEA-grupon kaj du kvartalajn societojn. Krom tio nia lingvo estas nun instruata en la Sun-Yat-Sen-Universitato, la Supera Lernejo Poŝta kaj Telegrafa, la Urba Lernejo de Belartoj, la Instruistina Preparejo Kit-fang kaj la Nan-Wu-Kolegio. Adreso de la Esperanto-Centro P. O. Box 88, Kanton.*

---

## Svisa Esperanto-Societo

**Informoj de la grupoj.** — *St. Gallen* presigis utilan propagandilon en germana lingvo pri la progresoj de Esperanto. Nova oficiala kurso kun 20 lernantoj komenĉis en la Progresiga Lernejo (Fortbildungsschule). En *Zürich* la kurso en la Komerca Lernejo kunigis 15 personojn. Alia por 12 laboristoj. Aparte sukcesa estis la Zamenhofa festo tiun ĉi jaron. En *Lausanne* la Zamenhofa laborista grupo organizis tri kursojn. — Novaj grupoj fondiĝis en *Morges* kun 17 membroj, dank' al saĝa klopodado de S-ro Ch. Jayet, en *Hägendorf* kun 6 membroj. En *Genève* ankaŭ fondiĝis nova grupo laborista kun 15 membroj post la kurso de S-ino Danneil ĉe la unuiĝo de sindikatoj. Al tiuj tri novaj sekcioj de S. E. S. ni sendas plej koran bonvenan saluton kaj bondeziron. Nia Societo kreskas kaj preterpasos 500 membrojn tiun ĉi jaron!

**Jubilea Statistiko.** — Ĉiuj grupoj respondis al la statistiko krom ses. Tiuj ĉi lastaj faru tion tuj antaŭ la 10 Aprilo

por ke Svislando ne aperu kun malĝustaj ciferoj. Ni atendas la ses respondojn malpacience. Ni aparte urĝe alvokas al la grupoj en Kantono Tiĉino!

**Literaturo.** — Rimarkindan tradukon de la „Urso" de Krilov faris nia komitatanino S-ino Umansky. La teatraĵon ludis kun granda talento S-ino Raviola, S-ro Gendre kaj S-ro Emiger en vesperfesto ĉe la Virina Socia Lernejo en Genève.

**Gazetservo.** — Ni kore dankas pro la eltranĉaĵoj el kantonaj gazetoj. La servo plaĉas al la grupoj kaj do regule daŭros.

**Cirkulero.** — Tiu ĉi komuniko anstataŭos cirkuleron por Marto. La kasisto petas afable sendi nun la kotizojn, po membro 1 fr. (S-ro Paul Bouvier, 1 rue du Port-Franc, Genève). Koran antaŭdankon!

Por S. E. S.

*La prezidanto:* D-ro Edmond Privat, 12 Bd. du Théâtre, Genève

*La sekretariino:* S-ino Henriette Danneil, 76 rue Schaub, Genève

**Folklora kaj Etnografia Grupo.** La 18-a Universala Kongreso de Esperanto en Edinburgo montris ke Esperanto havigas neordinaran oportunon por komparaj folkloraj studoj. Sekve de tio, okazis fakkunsido de Folkloro kaj Etnografio, en kiu oni decidis starigi internacian grupon por la kontentigo de tiu intereso. S-roj J. van Hempel kaj D. Uitterdijk el Nederlando, afable konsentis malfermi apartan rubrikon de Folkloro en ilia revuo „Kolektanto", kaj S-ro R. Kodera el Japanujo, akceptis la funkcion de fakredaktanto.

Kiel unua kunlaboraĵo, oni elektis la komparan studon de la popolaj jaraj festoj en diversaj landoj. Tiu laboro estas preskaŭ pretigota serie en „Kolektanto", kaj verŝajne konsistigos interesan kolekton.

Estis ankaŭ proponite, ke la grupo estu uzota kiel helpilo por individuaj studoj de ĝiaj anoj dezirantaj ricevi por komparajn sciigojn de aliaj landoj.

La unua artikolo aperis en la januara numero de „Kolektanto".

Ĉiu interesato bonvolu interrilatiĝi kun S-ro Kodera, ĉe Mme. Gavarry, 187, rue St. Jacques, Paris, 5e (ĝis Majo).

# La Propaganda Taĉmento

„Dum tiu ĉi kunveno nia konata propagandisto Delanoue faris tre interesan eksperimenton: Li prezentis samideanojn el plej diversaj nacioj kaj la publiko tiel povis konstati, ke la elparolado de Esperanto estas absolute la sama ĉe ĉiuj." *Gazetraportoj.*



Kio blovas kiel vento
Tra la stratoj de l' kvartal'?
Estas propagand-taĉmento,
Kiu iras al batal'.
En bonordo, rapidkrure
Sin direktas al Sorbon'
Sampson, Major, Niŝimura,
Kornfeld, Ajsberg kaj Solson'.

Kial tie la publiko
Premas sin al rendevu'?
Tion faris kun taktiko
Generalo Delanu',
Kaj kun li, la varbterura,
Nun alvenas en Sorbon'
Sampfeld, Majson, kaj Solsura,
Kornberg, Ajsor, Niŝison'.

Ĉie, kie homoj sidas
Pace kun scivola sent'
Tuj la general' prezidas
La paradon de l' taĉment';
Li prezentas la soldatojn,
Ĉiu estas fenomen',
Kaj li citas kaj la datojn
Kaj detalojn de l' deven'.

„Jen ĉi tiu juna viro
Ĵus alvenis el Jugland'
Kaj fariĝis jam martiro
De l' moderna propagand';
Nun li provas tuj perfekte,
Ke li kiel vi kaj mi,
Elparolas plej ekzakte..."
...Kaj la viro diris „ i "!

„Kaj ĉi tiu dika tipo,
Kun kolumo el karton'
Estas ido de polipo
Kaj de ina saksofon',
Li parolas ĝenerale
Per kunvena buŝotru'..."
...Kaj la tipo laŭsignale
Tute klare diris „ u "!

„Nun ĉi tiu, kiu tenas
Sian fingron en la naz',
Estas — kiel vi divenas —
Homo de l' plej nigra ras',
Li eĉ estas delegito
En Afrik', de U. E. A...."
...Kaj la Homo laŭ invito
Tre aŭdeble diris „ a "!

La publik' aplaŭde gestis
Kun konvinko, kun kompren',
Kaj plej brue manifestis
Sian ĝojon pri la scen';
Kaj mi aŭdis eĉ deklari
Grizan patron de l' scienc':
„Kion oni povas fari
Per dresad' kun pacienc'!"

*Raymond Schwartz.*
(El „Paris-Esperanto".)

# Paskaj Konferencoj en Praha

(Oficiala programo)

*

Sabato, 16 Aprilo. Hotelpensiono „Budeč."

9.30 matene: Kunsido de K. R.

11 matene: Proklamo de la paco en Parlamenta Domo.

3 ptm.: Kunsido de K. R. kaj UEA kun ICK.

8 vespere: Amika vesperfesto en „Budeč."

Dimanĉo, 17 Aprilo.

9.30 matene: Kunsido de K. R. kaj UEA kun ICK.
Kunveno de Ĉeĥoslov. Asocio Esp.
Kunveno de Germana Esp. Ligo en Ĉeĥoslov.
Kunveno de Tutm. Asocio de Geinstr. Esp. (TAGE).

3 ptm.: Komuna promenado.

8 vespere: Oficiala Akcepto Konferenca.

**Konferenco pri „Paco per Lernejo."**

Lundo, 18 Aprilo. Universitato (Filozofia Fakultato).

9.30 matene: Malfermo de la Konferenco pri „Paco per lernejo."

*Unua laborkunsido: Psikologio.*

„La problemo de paceduko sur la psikologia kampo." Prof. Pierre Bovet (Ĝeneva Universitato).

„Scienca studo pri sentoj kaj antaŭjuĝoj de l' infanoj. Metodoj kaj rezultoj." D-ro Prescott (Harvard Universitato).

„Enketo pri la sentoj de l' infanoj." Prof. Friedrich (Brno).

3 ptm.: Samloke.

*Dua laborkunsido: Instruado.*

„Paceduko kaj lernolibroj pri natura scienco." D-ro Stan. Kamaryt (Bratislava).

„La lernolibroj pri historio." S-ro Franta (Praha).

„Batalo kontraŭ militemaj lernolibroj." S-ro Prudhommeaux (Parizo). — D-ro Moebusz (Lübeck).

„La konstruaj klopodoj. Rekomendoj de la Ligo de Nacioj." S-ro Du Pasquier, kabinetĉefo (Saarbrücken).

„Kion oni faris en kimraj lernejoj." Rev. Gwilym Davies (Cardiff).

„La instruo pri Ligo de Nacioj." S-ro Kronenberg (Bydgoszcz, Pol.).

„Paceduko de l' civitanoj." S-ro Miloslav Skořepa (Něm. Brod).

8 vespere:

*Publika kunveno por Prahanoj.*

„La ideo homara en la verko de Komenský." Prof. Casimir, S-ino Wurmová, S-ino Moudrá kaj aliaj.

Mardo, 19 Aprilo, 9 matene. Universitato.

*Tria laborkunsido: Edukado.*

„Partopreno de la lernantoj en la lernejorganizo kiel enkonduko pri Ligo de Nacioj." Prof. Casimir (Hago). — D-ro Paul Dengler (Vieno).

„Internacia kooperado kaj interŝanĝo de lernomaterialo." S-ino Radlinska (Varsovio).

„Interlerneja korespondado."
I. Sperto de la Ruĝaj Krucoj, D-ro Šmakal (Praha).
II. Korespondado fremdlingva, S-ro Bauer (Kutná Hora).
III. Korespondado en Esperanto, S-ro Hahn (Dresden). F-ino Weeks (London).

„Internaciaj kampoj." S-ro Tracy Strong (YMCA., Ĝenevo).

3 ptm.: Samloke.

*Komisionaj Kunsidoj* por ekzameni tekstojn de deziresprimoj.
I. Psikologio. II. Instruado. III. Edukado.

8 vespere: *„Publika kunveno por Prahanoj.* La celoj kaj rezultoj de la konferenco."

Merkredo, 20 Aprilo. Universitato.

*Kvara laborkunsido.*

Raportoj de la komisionoj.
Voĉdono pri rezolucioj.
Fermo de la konferenco.

5 vespere: Akcepto ĉe Společenský klub en Palaco Sylva Taroucca, Praha II, Příkopy.

**Raportantoj, parolu ne pli ol 15 minutojn kaj redaktu precizajn konkludajn proponojn!**

* * *

Dum ke Internacia Oficejo de Edukado en Genève, pere de sia Direktoro, Prof. Bovet, kaj kun helpo de ĉs. pedagogiaj institucioj zorgas pri la programo de la konferenco mem, esperantistoj de Praha, reprezentitaj en la Loka Organiza Komitato per S-roj Eiselt, Hromada kaj Pitlík, estas komisiitaj zorgi pri la teknika aranĝo: loĝado, manĝado, faciligoj de alveno, rabatoj, gvidado tra la urbo ktp.

Por kovri almenaŭ parton de la organizaj elspezoj, la konferenca kotizo estas fiksita je 4 sv. frankoj, 3 markoj germanaj, 5 ŝilingoj aŭstriaj, 20 kronoj ĉeĥoslovakaj.

La Organiza Komitato sukcesis, ke

1. la ĉeĥoslovakaj konsulejoj donu senpagan vizon al ĉiu konferencano (ministeria dekreto N-ro 29102),
2. ĉiu konferencano ricevos 33% rabaton sur ĉeĥoslovakaj fervojoj. Specialan rabatilon kun informoj detalaj ni sendos al ĉiu aliĝinto.
3. ĉiu konferencano vidu oportune kaj nekoste la ĉefajn vidindaĵojn de la urbo kaj ĝia ĉirkaŭaĵo (specialaj tramvagonoj, senpagaj, por rondveturo tra la urbo estas disponigataj),
4. ĉiu konferencano povu senpage partopreni en la Amika vespero, sabate la 16. 4., aranĝita de Esperanto-grupoj de Praha. Programo: muziko, kantoj, recitoj k. a.

La plej granda parto da konferencanoj estos lokita en unu-du-grandaj hoteloj, por havi oportunan okazon por interkonatiĝi dum maten-, tag- kaj vespermanĝoj. Por esti plej bone kontentigita, estas konsilinde aliĝi plej baldaŭ. Prezoj de ĉambroj: unulita (limita kvanto): 16—35 Kč. (2—4 Mg.), dulita: 32—72 Kč. (4—9 Mg.).

Trinkmono kaj ĉiuj lokaj pagoj entenitaj.

L. O. K. zorgos pri malkaraj komunaj dormejoj por tiuj, kiuj dezirus ilin uzi. Anoncu vin tuj!

Prezoj de manĝoj (tag- kaj vesper-manĝo, menuo) po 10—15 Kč.

Ni volonte akceptos ĉiun konferencanon en la stacidomo, se informo preciza pri horo kaj fervoja linio (t. e. el kiu loko oni venas) atingos nin almenaŭ 24 horojn antaŭe.

Ĉiu aliĝinto ricevos detalajn informojn pri loĝigo ktp., pri rabatoj kaj ĉio necesa. Ju pli frue vi aliĝos, des pli multe ni povas fari por vi.

Oni atendas, ke granda parto da gastoj venos jam sabate la 16. 4. aŭ dimanĉe la 17. 4., ĉar sabate kaj dimanĉe matene okazas, apud la konferenco, kunvenoj esperantistaj, de Internacia Centra Komitato, UEA-komitato kaj Konstanta Reprezentantaro de Naciaj Societoj. Plie, ambaŭ ĉeĥoslovakaj organizaĵoj, Ĉ. Asocio Esp. kaj Germana Ligo Esp. aranĝas dimanĉe matene siajn kunvenojn, kiujn partoprenos granda nombro da samideanoj el la tuta Respubliko Ĉeĥoslovaka.

Esperantistaj kunvenoj okazos parte en hotelaj salonoj, parte en la ejo de la Konferenco mem.

Aliĝojn akceptas kaj ĉiujn pliajn informojn donas:

S-ro *Rud. Hromada*
Membro de l' Internacia Centra Komitato
Sochařská 333, Praha VII.

# Esperantista parolejo.

### Oni laŭdas!

∴ S-ro *Maŭrico Hyde* (eksdelegito en Rabaul, Nov-Gineo) kore dankas al delegitoj kaj oficistoj de UEA en Melbourne, Marseille, Paris, London, Bristol, Leipzig, Berlin, Vich, Barcelona, Gerona, New York, Chicago, San Francisco, Los Gatos kaj Wellington por sindona helpado kaj valoraj informoj.

∴ S-ro *Antonio Jiménez-Verger,* Del. en Villajoyosa, Hispanujo, kore dankas S-ron Raymond Laval, delegito en Champigny-sur-Marne, Francujo, pro multvalora servo.

∴ S-ro *Franz Mayer jun.,* Del. en Goldenöls, Ĉeĥoslovakio, kore dankas al S-ro W. R. Daingerfield, juĝisto en Oakland, Californio, por farita grava servo.

∴ S-ro *A. Bartoš,* Del. en Podobora-Chotěbuz (Ĉeĥoslovakio) elkore dankas al S-ro H. Gerke, Del. en Bremen, kiu tre kompleze faris gravan helpon al mia fratino S-ino Bardon en Buenos Aires per sia interveno en la Nordgermana Lloyd — kaj same al mi dum mia restado en Bremen, mi ĉe tiu okazo sincere gratulas al UEA, ke ĝi havas en Bremen tian bonegan delegiton. — Samtempe mi dankas al la Bremenaj samideanoj S-roj Barkhausen kaj Keller por ilia amika afableco.

∴ S-ro *Aloizy Zambrzycki* kore dankas al S-ro Stanislaw Essigman, Del. en Warszawa pro liaj afablaj fakaj konsiloj kaj eĉ pro amika samideana senpaga kuracado.

∴ S-ro *I. Virkkala* en Laihia (Finn.) kore dankas al F-ino A. Kuhn, Dresden kaj al S-roj Hofrat Dr. Wollmann, Wien, Dir. Gnam, Wien, Magistr. konsilanto Breulich, Wien, Rud. Mich. Frey, Del. de UEA en Wien, Dir. C. J. Adcock, Aukland-Novzelando, Fritz Loewenstamm, Berlin, Herbert Spackmann, Del. de UEA en Corsham.

# Esperantista vivo.

**Edziĝoj.** — S-ro *Cl. Vandervelde,* Del. en Gentbrugge, Belgio, kun F-ino *M. De Kneef,* anino de UEA el Gent.

— S-ro *Johano Vangelista* kun F-ino *Pauline Ronca* en Vicenza, Italia, la 28 Februaro 1927.

— S-ro *Miquel Arbona,* Del. de UEA en Soller, Hispanio, kun *Francisca Pizo.*

— S-ro *Samuel Monderer,* Del. de UEA en Andrychow kun F-ino *Maryla Grzybowna.*

— S-ro *Gerrit van Heek,* Del. de UEA en Hengelo, Nederlando kun F-ino *Annie Clewitz.*

**Naskiĝoj.** — Al Ges-roj *Maria* kaj *Francesco Cavallaro* naskiĝis filo, nomita Giuseppe, la 2 Januaro 1927, en Ottaiano.

— Al Ges-roj *Charles Kanmacher* filino nomita Irène, en Strasbourg.

— Al Ges-roj *Eduard Ney,* en Rakvere, Estonio, naskiĝis filo nomita Heino.

**Doktoriĝo.** — S-ro *Leon Oberlaender,* ano de UEA en Kraków, estas diplomita doktoro de juro ĉe Jagellona Universitato.

# Niaj mortintoj.

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

S-ro **Aron Posener,** diamantpoluristo en Antverpeno, subite mortis la 31-a Decembro 1926, en Berchem, 34-jara. Li estis sekretario de A. P. P. K. kaj verkis por ĝia Bulteno.

S-ro **Jan Kaszycki,** ano de UEA N-ro 16148, en Kraków, la 6 Oktobro 1926, 66-jara; li estis popollerneja direktoro, pioniro de nia movado.

S-ro **Juozas Karvelis,** studento en Kaunas.

S-ro **J. B. Geerinck,** bankdirektoro en Antverpeno, patro de nia membro en St. Niklaas.

S-ro **Fréchas,** redaktoro de la gazeto „Le Monde Espérantiste", Paris.

Profesoro **Daniel Berthelot,** profesoro je la Universitato de Paris, membro de l' Akademioj pri Medicino kaj pri Sciencoj, mortis la 8-an de Marto 1927 en Paris; li estis 61-jara.

Filo de l' fama ĥemiisto Marcelin Berthelot, li estis membro de l' Esperantista Grupo de l' „Touring Club de France" kaj unu el la subskribintoj de la deziresprimo pri Esperanto subskribita de pli ol 40 membroj de la franca Akademio pri Sciencoj; li estis membro de la Patronada Komitato de l' Franca Societo por la Propagando de Esperanto kaj de l' Internacia Scienca Asocio Esperantista.

Plej ĝuste oni diris ke li estis unu el tiuj scienculoj kiu pleje sukcesis elpensi sur la fizika agadkampo. Per „novaj kreskaĵoj" (maizo dufoje rikoltebla ĉiujare, tritiko kiu ne „renversiĝas"), li trovis solvon je la problemo de la „vivmultekosteco" kaj tiel pruvis ke la scienco kapablas ĉiel kunhelpi al la moderna vivo.

En la jaro 1921, li energie prezentis sugestoplenajn proponojn, pri kiuj la franca registaro atentis, por monhelpi al la scienca traesplorado.

La morto de tiu afabla eminentulo estas grava perdo por la tutmonda homaro.

S-ro **Julius Patzelt,** horloĝisto, delegito de UEA en Obergrund, Ĉeĥoslovakio, malnova esperantisto kaj unu el la unuaj pioniroj en norda Bohemio.

S-ro **Henryk Kaczmarczyk,** ministo en Karvinná, mortigita de falinta ŝtonego en minejo. Li estis fidela membro de UEA kaj la unua pioniro en sia loko.

**Sinceran kunsenton!**



# REKLAMO

*MALLONGIGOJ: L = letero. PK = poŝtkarto. PI = poŝtkartoj ilustritaj. PM = poŝtmarkoj. bfl = poŝtmarkoj sur bildflanko. kĉl. = kun ĉiuj landoj. Esp-aĵo = Esperantaĵo. fot-aĵo = fotografaĵo. gaz. = gazeto.*

**Atentigo!**

La personoj anoncantaj havas la moralan devon respondi almenaŭ unufoje al la ricevitaj petoj, klarigante ĉu ili deziras aŭ ne deziras daŭrigi la korespondadon. Kiu ne respondas peton konforman al sia anonco, tiu malutilas al la internacia korespondado per Esperanto.

## Korespondado

Interŝanĝo de objektoj.

### Aŭstralio.

**North Fitzroy, Victoria.** S-ro L. Whellams, 180 Mc Kean str., aŭstraliaj PM kontraŭ PM kaj moneroj ĉiulandaj.

### Aŭstrio.

**Lassnitz-Murau.** S-ro M. Gutschreiter, instruisto, gazetojn esperante, germane, itale, angle, nederlande. Sendas ekzempleron de „Neue Freie Presse".

**Wien V.** S-ro Ernst Wolfram, oficisto, Embelgasse 39-8, PI kun intelektaj junaj fraŭlinoj, L diverstemaj kĉl.

### Belglando.

**Bruges.** S-ino M. Algrain, 25 rue Flamande, PM, PI bfl kĉl., prefere malproksimaj, nepre respondas.

**Yper.** S-ro Hector Gauquier, Statiestraat 4, L, PI kĉl.

### Brazilo.

**Bello Horisonte, Minas.** S-ro Joao Vianna, delegito de UEA, agronomi-inĝeniero, Av. Commercio 219, L, PI bfl pri ĝeneralaj temoj, ekz. terkulturaj, sociaj ktp.

**Bello Horisonte, Minas.** S-ro José Felippe de Azeredo Coutinho, ŝtata oficisto, Av. Paraúna 1431, L pri ĝeneralaj temoj, PI. Respondas ĉiam.

**Bello Horisonte, Minas.** S-ro Vicente González López, tajloro, Rua Caetés 258, L, PI bfl pri la sociala movado ktp. Nepre respondos.

### Bulgario.

**Jambol.** S-ro Izrael Soreff, Tergovska ulica 56, L, PI kĉl.

### Ĉeĥoslovakio.

**Aussig-Lerchenfeld.** S-ro Willy Kunert, PI kĉl., ĉiam respondas.

**Bodenbach.** S-ro Eduard Hübsch, Lerchenfeldgasse 340, PI, L, PM kĉl.

**Červený Kostelec.** S-ro Josef Tomeš, kompostisto, Náchodská 422, PI, L, precipe kun samfakanoj.

**Červený Kostelec.** S-ro Zdeněk Skalský, fotografisto, PI, PM kĉl., ĉiam respondas.

**Česká Skalice.** S-ro Odon Horák, oficisto, Parní pila, PI, L, precipe kun samfakanoj.

**Kerhartice nad Orlicí.** S-ro František Roušavý, č. 71, L, PI, certe respondos.

**Plzeň-Škvrňany.** Esperantista klubo serĉas gekorespondantojn kĉl., PM, PI, ilustritajn librojn. Skribu al S-ro J. Juliš, oficisto, N-ro 142.

**Polička.** S-ro Frant. Indra, studento, PM, L kĉl., nepre respondos.

**Schmiedeberg, Bohemio.** S-ro Ludwig Liebald, fakinstruisto, kolorajn PI kun tipaj pejzaĝoj, popolkostumoj, konstruaĵoj por la instruado. Ĉiam respondos.

**Ústí nad Orlicí.** S-ro Josef Kubíček, tabakvendisto, Pražská ulice, PI, L.

### Danmarko.

**Sónderborg.** F-ino Annelise Partsch-Jórgensen, Skolevej 14, L, PI, nepre respondas.

**Sónderborg.** S-ro H. Tobiesen, telegrafisto, Jomfrüstien 29, L, PI, nepre respondas.

### Egipto.

**Port-Said.** S-ro Mustafa, State Telegraphs. Bonvolu skribi nur kiuj vojaĝos tra Sueza Kanalo kaj volas renkonti lokajn esperantistojn.

### Finnlando.

**Aura kaj Uuvitus.** S-ro I. V. Ahonen, L kĉl. pri alkoholismo, paneŭropa movado.

**Helsinki.** S-ro Jarl Gadding, Östra Brunnsparken 11 A, PM kĉl. eŭropaj.

**Reitkalli.** S-ro Martti Sundberg, PI, L kĉl.

**Vaasa.** S-ro S. Hautamäki, Rantakatu 26, PI, L pri malliberejа vivo, flegado de malliberuloj.

### Franclando.

**Lyon, Villeurbanne.** S-ro Jean-Richard Levin, 14-jara, 22, rue Jules-Vallès, lernas la anglan, PI, L kun samaĝaj anglolingvanoj, kiuj lernas la francan.

### Germanio.

**Berlin-Charlottenburg.** S-ro Werner Berthe, Westendallee 95 c, PI bfl. Mi certe kaj tuj dankos.

**Berlin-Steglitz.** S-ro Walter Bautsch, Moltkestr. 3, PM, PK aŭ L pri ĉiu temo kĉl.

**Borkendorf, O.-S.** S-ro Franz Buchmann, lignaĵisto, delegito de UEA, L pri vivo, filozofio, ŝako por si kaj lernanto. Respondas nepre. Ankaŭ kun fraŭlinoj.

**Dresden-Zschachwitz.** S-ro Herbert Brader, delegito de UEA, Simonstrasse 11, serĉas por siaj ĉirkaŭ 30 gelernantoj 12-14-jaraj konvenan korespondadon nur kun negermanaj kaj eksterеŭropaj landoj.

**Düsseldorf.** S-ro R. Laporte, Luegallee 6, serĉas por 5 gelernantoj 14-16-jaraj konvenan korespondadon kĉl. ekster Germanio.

**Frankfurt a. M.** S-ro O. Hast, inĝeniero, Schwalbacher Str. 67, L, PI, PM pri lingvaj kaj teknikaj demandoj. Serĉas korespondantojn por siaj ĉirkaŭ 25 partoprenantoj de kurso por poŝtaj geoficistoj ĉiurangaj.

**Görlitz, Silezio.** S-ro Arthur Schnabel, fraŭlo, Rothenburger Str. 12, PI, L kĉl. Ĉiam respondas.

**Kauffung (Katzbach), Silezio.** S-ro Richard Evler, bienetulo, korespondas kĉl.

**Solingen, Rheinland.** S-ro Artur Gitzinger, Dorperstr. 27, PI, L kĉl., precipe kun ĉefurbanoj. Ĉia respondo garantiata.

### Hispanio.

**Oviedo.** S-ro Antonio Jiméner Mora, delegito de UEA, kapitano de infanterio, str. Argüelles 3-1°, PI kaj nuntempajn PM kĉl., fotografaĵojn, ĉiam respondos.

**Palau de Montagut (Gerona).** S-ro L. Bargés, fervojisto, L, PK kun fervojistoj el Italujo, Germanujo, Anglujo, Svislando, Francujo kaj Belgujo pri transportaj tarifoj. Esperante, angle, germane, france, hispane kaj itale.

### Italio.

**Milano.** S-ro Dezzani, Via Kramer 32, PM kĉl., kompense sendas librojn, gazetojn, muzikaĵojn. Nepre respondas.

**Milano.** S-ro Pigeon, Via Morigi 11, PM, PK, gazetojn, muzikaĵojn kĉl. Nepre respondas.

**Roma.** F-ino Adelaide Antonelli, Viale Angelico 65, atentigas pri preseraro en antaŭa anonco: devas esti „petas samideaninojn viziti ŝin."

### Japanlando.

**Mieken.** S-ro Yoshimi Hayashi, 511 Hazemura Ichishigun, L, PI kĉl.

### Maroko.

**Melilla.** S-ro V. Fraga, Compania de Mar, PI kun Azio, orientaj landoj.

### Meksiko.

**Mexico D. H.** S-ro M. C. Rodriguez, UEA-del., Apartado No. 2482, PM kĉl., escepte Centra Eŭropo kaj Usono. Certe respondas.

**Mexico D. H.** F-ino Ma. de Zuniga y Zejeda, Apartado No. 422, PI kĉl.

**Mexico D. H.** S-ro Victor M. Lopez, 2a, Herve Nacozari No. 33, PI kĉl., certe respondas.

### Pollando.

**Katowice.** S-ro W. Soltysek, Mlyńska 16, PI kĉl., certe respondos.

**Rosochacz-Jagielnica.** S-ino H. Domańska, PI kĉl., prefere kun Afriko, Azio, Oceanio, L pri muziko, pentrarto.

**Warszawa.** S-ro M. Bilowicki, Bagatela 15, m. 32, PM polaj kontraŭ alilandaj, minimume 100 PM en rekomendita letero.

**Wloclawek.** S-ro E. Milewski, Szkolna 6, L, PI kĉl.

### Rumanio.

**Arad.** S-ro Julio Megyeri, B-dul Regina Maria 12, PI kĉl.

**Arad.** S-ro Karlo Láng sciigas sian novan adreson: str. Lazar Tâmpa 12-14.

**Bucureŝti.** F-ino Eugenie Marcus, str. Biserica Udricani 8, L, PI kun eksterеŭropanoj, islandanoj, finnlandanoj, rusoj kaj italoj.

**Bucureŝti.** S-ro Zissu Dascalu, str. Olteni 10, PI kun ĉinoj, turkoj, araboj, hispanoj, angloj, francoj, germanoj.

**Cluj.** S-ro A. Károlyi, studento, str. Gh. Baritiu 26, L, PI, PM kĉl.

**Orsova.** F-ino Baba Spiller, fabrica de vapoare, PI, PM kĉl.

**Orsova.** S-ro Antono Gyüjtö, PI, PM kĉl.

**Orsova.** S-ro Miĥaelo Dudás, str. Reg. Ferdinand 101, serĉas korespondantojn por siaj kursanoj 17—25-jaraj kĉl.

**Petroŝeni.** S-ro Josefo Kanduth, Str. N. Iorga 8, L, PI, gazetojn kun ne-eŭropanoj.

**Pui, Transilvania.** S-ro D-ro Vasile Antal, advokato, interŝanĝas 10—20 cigaredojn kaj PM kĉl. Sendu la plej bonajn cigaredojn de via lando por mia kolekto, mi faros same.

**Pui, Hunedoara.** S-ro Silvio Vladislav, notario, PI kĉl. Sendu 5-10 belvidaĵojn kaj PM, mi sendos same mialandajn. Nur kun seriozuloj.

**Salaŝul-de-Sus, Jud. Hunedoara.** S-ro A. Herban, studento, L, PI, PM 200—300, ne sendas unue.

**Timisoara.** S-ro profesoro F. Szegö, IV str. Bonnaz 10, PM kĉl., precipe eŭropaj.

### Sovetunio.

**Dnepropetrovsk.** S-ro Boris Ŝipilin, Nezamoĵnaja 2, kv. 10, PI, L diverstemaj kĉl

**Leningrad.** S-ro S. D. Ivanov, ul. 3 Julia 15, kv. 42, PI bfl nur kun Romo, Grekio, Turkio, Jugoslavio, Oceanio, nepre respondas.

**Moskva.** S-ro A. Prager, Postbox 605, serĉas korespondantojn-fotografistojn kĉl. por organizi internacian asocion de fotografistoj. Ankaŭ korespondas PI bfl.

**Rostov-na-Donu.** S-ro A. Sidorov, Poĉt. jaŝĉik 347, ĉiutemaj L, PI kĉl.

### Sudslavio.

**Bačka Palanka.** S-ro Jozefo Vecsey, vitraĵisto ĉe J. Bruder, PI bfl, L kun vitraĵistoj ĉiulandaj.

**Bačka Topola.** S-ro Oskar Sohr, PI bfl, L pri ŝako.

**Bačka Topola.** S-ro Ernesto Kaufmann, PI bfl, PM kĉl.

**Blato na Korčuli.** S-ro Šeman Ivan, kamparano, PI kun alilandanoj.

**Mostar.** S-ro profesoro H. M. Behlilović, PM kun tuta Eŭropo laŭ Yvert aŭ Michel.

**Novi Sad.** S-ro Nikola Stefanović, fotografisto, Železnička restauracija, PM, PI kĉl.

**Petrovaradin.** S-ro Francisko Jeger, maŝinisto, Račkoga ul. 428, PI, L kĉl.

**Petrovaradin.** F-ino Jozefina Matoković, fotografistino, Račkoga ul. 424, PI, L kĉl.

**Petrovaradin.** S-ro Vjekoslav Matekovič, tipografisto, Račkoga ul. 424, PI, L kĉl.

**Rogoza** (P. Hoče pri Mariboru). S-ro Ivan Jarc, PI, PM kĉl.

**Sonta** (Bačka). S-ro Andreo Piller, N-ro 102, PI bfl, monerojn kĉl.

**Split.** S-ro Rudolf Rubčič, delegito de UEA, Palmina 9, III, PI kun orientanoj.

**Split.** Putnički Ured (Turista Oficejo) donas senpage ĉiujn informojn en Esperanto pri vojaĝoj al Dalmacio.

**Šibenik.** S-ro Ante Aleksa, ŝuisto, Dolac, L, PI kĉl. pri kulturaj, socialaj kaj feminismaj temoj.

### Svedio.

**Falun.** S-ro Einar Dahl, Nybrogatan 38, PI, L.

## Petoj kaj Proponoj

### Internacia Komerco.

**Adresŝanĝo.** S-ro Janko Georgiev, Aitos, Bulgario, petas pardonon de siaj korespondantoj, ĉar li forestos de hejmo kaj ne povos korespondi.

**Atentu!** S-ro D-ro Joao Vianna, inĝeniero, Av. Commercio 219, Bello Horisonte, Minas (Brazilo), korespondas poŝtkarte kun seriozaj samideanoj pri tanado de molaj ledoj por teksiloj kaj pri socialaj temoj. Proponas aĉeti librojn pritraktantajn detale tanadon de molaj ledoj (picking belts) en esperanta, franca, angla, hispana, itala aŭ germana lingvoj. Por konvinki gravan entreprenon, kies administranto li estas. Klopodoj kaj informoj eventuale pagotaj.

**Delegitoj!** Ni sendis en Oktobro al ĉiuj oferton pri radio-aparato „Mende". Kelkaj delegitoj vendis ĝis 12 aparatoj kaj profitis bonajn gajnojn. Agu vi same, serĉu vendantojn! Esperanto-Komercista Grupo, Dresden-N., Hauptstr. 38.

**Edziĝo.** Germana, ideala instruisto katolika deziras korespondi kun morala ino kĉl., ankaŭ germaninoj pro ebla geedziĝo. Ĉar poliglota, mi laŭdezire iros eksterlanden. Emulinoj pretaj esti fidela vivkunulino helpema al homaranulo, sendu proponon kun foto sub „Peaf" al S-ro F. Rockmann, Magdeburg, Sandtorstr. 8, I, Germanujo.

**„Esperanto".** N-ro 311 (7) de 1926 estas serĉata. Bonvolu sciigi kondiĉojn al S-ro Eduard Ney, Lai tän. 12, Rakvere, Estonio.

**Filantropoj!** Kiu volos helpi al sinjorino perdinta sian havon pro milito kaj deziranta starigi laborejeton; ŝi vendus du artŝalojn el pura silko, unu hinda por 150 sv. fr., alia el epoko Louis-Philippe por 350 sv. fr. Adresu: Redakcio de „Esperanto", 12 Boulevard du Théâtre, Genève, Svislando.

**Filatelio.** Tiuj, kiujn nur indaj PM kontentas, sendu al mi 50—500 bonajn PM de ĉiuj landoj (minimuma valoro 50 fr. laŭ Yvert 1927) por ricevi samvalorajn PM el Anglujo kaj kolonioj. S-ro S. Moore, 48 Barnsdale Rd., London W. 9.

**Filatelistoj.** Kiu sendos al mi 100—500 PM, ricevos samkvanton el Ĉeĥoslovakio. S-ro J. Juliš, oficisto, Plzeň-Škvrňany 142, Ĉeĥoslovakio.

**Filatelistoj.** Sendu al mi PM aŭ monerojn de via lando kaj vi ricevos egalvaloron de Aŭstralio. S-ro L. Whellams, 180, Mc Kean Str., North Fitzroy, Melbourne

**Folklora kaj Etnografia Grupo** (vidu artikoleton sub „Notoj"). Ĉiu interesato bonvolu sin konatigi kiel kunlaboranto al S-ro R. Kodera, 187, rue St. Jacques, Paris 5e, kaj aboni „Kolektanton" (adreso: S-ro B. Boon, poŝtoficejo, Scheveningen Nederlando, jarabono Sm. 2.— aŭ unu dolaro).

**Fotografistoj, atentu!** Mi interŝanĝas fotojn taŭgajn por ilustritaj gazetoj. Aldonu klarigon dorsflanke pri ĉiu bildo. Adresu: Fotograf Golosow, Chmielna 8, m. 1, Warszawa, Pollando.

**Korespondado.** Mi deziras gekorespondantojn el ĉefurboj de la tuta mondo. Mi disponas pri belegaj pejzaĝoj el la bela Rejnlando. S-ro Artur Gitzinger, Solingen, Rheinland, Dorperstr. 27, Germanujo.

**Kino-lernejon** aŭ dramlernejon, solan idealon de mia vivo, mi volas studi. Gesamideanoj, precipe usonaj, bonvolu subteni min. Je unua okazo mi senŝuldiĝos. S-ro Georgi Barkalov, gara Papazli, Bulgario.

**Maloftaĵo!** La Berlina Esperanto-Unuiĝo, loka grupo Mitte, eldonis serion da ses diversaj PI el Germanio kaj Tirol (laŭ artaj fotografaĵoj) kun detala Esperanto-teksto. La kartoj, presitaj simile al kupra gravuraĵo, estas la plej efika kaj bela propagandilo. Unu serio kostas nur RM 0.45 aŭ 2 respondkuponojn. Bonvolu skribi al S-ro Erwin Scholz, Berlin-Karlshorst, Dorotheastr. 25, Germ.

**Muzeoj.** Pri artmuzeoj korespondas S-ro Dyba, Berlin-Niederschönhausen, Moltkestrasse 4, Germanujo.

**Nekompreneblaj vortoj.** Mi kolektas novajn radikojn, nekompreneblajn kunmetaĵojn, kiuj estis uzitaj en niaj gazetoj, libroj, folioj. Mi danke akceptos materialon pri bonaj kaj malbonaj novaĵoj uzataj en nia lingvo, precipe vortetojn ŝerce kreatajn en esp. rondetoj, parolantaj kluboj, amikaj kunvenoj. Adresu: P. Stojan ĉe UEA, Bd. du Théâtre 12, Genève.

**Portugala esperantaĵo.** Vi sendu unu francan frankon aŭ egalvaloron al Saldanha Carreira, Apartado 104, Lisboa, kaj vi tuj ricevos albumeton kun ok diverskoloraj artmarkoj montrantaj malsamajn portugalajn monumentojn.

**Poŝtistoj kaj poŝtaj fakunuiĝoj!** Skribu al S-ro Otto Hast, inĝeniero, Frankfurt a. Main, Schwalbacherstr. 67, Germanujo, pro interrilatiĝo kun samfakanoj.

**Poŝtkartvespero** estas aranĝota dum Aprilo de la Esperanto-Klubo en České Budějovice, Nová ul. 22 (Ĉeĥoslovakio). Ges-anoj de la tuta mondo bonvolu sendi al ni laŭ supra adreso belajn poŝtkartojn ilustritajn kun kelkaj linioj laŭplaĉaj. Ni certe al ĉiu sendinto respondos kaj memore konservos la kartojn en nia klubalbumo.

**Radio.** S-ro Henri Dubuisson, 18, Rue Bellevue, Le Havre (Francio), vendas ĉiajn aparatojn kaj artiklojn por radiotelefonio, kondensatoroj, transformatoroj, radiomikro-lampoj, laŭtparoliloj ktp. Eksportado al ĉiuj mondpartoj.

**Reprezentado.** Mi laborus komisie en la nordaj provincoj por gravaj firmoj. S-ro Antonio Jimenér Mora, delegito de UEA, Argüelles 3-1°, Oriedo, Hispanio.

**Roma.** F-ino Adelaide Antonelli, Viale Angelico 65, petas samideaninojn travojaĝantajn viziti ŝin.

**Samideanoj atentu!** Mi kolektas ŝtatajn insignojn kaj flagojn, laŭeble koloriĝitajn. Kiel rekompencon mi sendos PI, PM k. s. S-ro J. Juliš, oficisto, Plzeň-Škvrňany N-ro 142, Ĉeĥoslovakio.

**Scienca Akademio en Petrogrado** kolektas materialon pri la mondlingvo por enkonduki ĝin en siaj internaciaj rilatoj. Estas do grave, se esperantaj societoj subtenas nian aferon en tiu okazo. Oni sendu seriozajn verkojn en kaj pri nia lingvo al: Akademija Nauk, Leningrad, USSR.

**Somero.** Kiu kunvojaĝos someron por kvar semajnoj da libertempo al svislandaj alpoj? Skribu al S-ro Conrad Schuhler, redaktoro, Saarbrücken (Saarteritorio), Heudukstrasse 23.

**Turistoj!** Vizitante Italujon, nepre venu al Varese, „la perlo de la antaŭalpoj", lokita meze de la belegaj lagoj Maggiore kaj Como. Belegaj ekskursoj en la ĉirkaŭaĵo. Petante informojn de S-ro Wilfred Ingle, delegito de UEA, 92, Viale Borri, Varese, nepre kunsendu membrokuponon de UEA kaj Esperantistan Respondkuponon.

**„Tutmonda interkonsento de la salajruloj".** Por akiri informojn skribu al S-ro K. Behrle, Liebigstr. 35, II, Berlin O 112, Germanio.

Esperanto-Presejo Paul Göring, Magdeburg-N